# ESPERANTO

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio

N-ro 317 (1) Januaro 1927



STELA NOKTO PHILIPP BAUKNECHT

# Esperantista Respondkupono.

Estas regula plendo de la delegitoj de UEA pri manko de afranko ĉe informpetoj. Dum certa tempo tiuj plendoj amasiĝis tiagrade, ke rezultis eksiĝo de delegitoj nepovintaj pagi tiun elspezon kaj ne volintaj rifuzi informpeton. La kaŭzoj de tiu ĉi manko estas, escepte tiu de simpla ŝparemo flanke de l' informpetinto, la neekzisto de praktika kaj simpla pagilo. La *internacia poŝta respondkupono* havas kelkajn malavantaĝojn: Ne ĝenerala, havebla nur en kelkaj landoj kaj nur en pli granda oficejo, do ne en vilaĝo, cirkulado je limigita tempo, tro alta alpago tiel ke ekzemple tia kupono kostas en Svislando 40 centimojn dume la poŝto nur redonas poŝtmarkon valorantan 30 centimojn, la kosto de 20-grama letero internacie. Malgraŭ ĉi tiuj malhelpoj la respondkupono estis multe uzita ĉe la esperantistaro; ĝi efektive fariĝis pagilo por malgrandaj sumoj, sendebla en la korespondaĵo. Tamen la supre diritaj malavantaĝoj, ne forgesante ankaŭ la oftan mankon de poŝta ŝtampo sen kiu la kupono ne estis ŝanĝebla, kaŭzis, ke post la milito la emo uzi ĝin malpligrandiĝis.



UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
CENTRA OFICEJO: 12, Boulevard du Théâtre, GENÈVE (Svislando)
ESPERANTISTA RESPONDKUPONO

Por internacia afranko de unu letero 20 grama

UEA

VALORO: 30 centimoj svisaj
N-ro

Akceptata de la Centra Oficejo de UEA por afranko, kotizoj kaj mendoj ĝis plej malfrue 31 Decembro 1929.

GENÈVE, la 1an de Decembro 1926.

Hans Jakob
Direktoro

SPECIMEN

Plia malhelpo estis la valuta diferenco ŝanĝanta, kiu malsimpligis la aferon.

La ripetitaj plendoj pri la manko de afranko devigis nin serĉi eblecon de praktika servo, uzebla de ĉiuj esperantistoj. Regule venis proponoj pri kreo de esperantista pagilo, ĉu en formo de ĉeko, ĉu en formo de bankbileto. Zorge ekzameninte tiun eblecon ni konkludis, ke pro leĝaj kaj aliaj cirkonstancoj nek ĉeko nek bileto estas eblaj. Ĉekoj antaŭvidas krediton ĉe la centro, sekve laboron de librotenado, korespondadon kaj . . . admonadon ĉe okaza nesufiĉo de bonhavo. La spertoj de la estinta ĉekbanko instruis nin pri tio. Rilate bankbiletojn ni ja posedas du pagilojn de malgranda valoro preskaŭ ĉie riceveblajn: Bileto de unu dolaro aŭ svisa kvinfranko. Ni ofte ricevis tiajn el landoj, de kie ni neniam estus supozintaj ricevi ekzemple svisan monbileton. Sed ne temas pri tio.

Restas solvota la problemo de simpla kaj praktika pago de 30, 50 centimoj aŭ de unu franko. Ni informas la esperantistaron, ke UEA eldonis **ESPERANTISTAN RESPONDKUPONON** laŭ suba modelo. Ĝi ne havas la malavantaĝojn de la ordinara kupono, validas dum 3 jaroj, de 1927 ĝis 1929 kaj estas ĉiam reakceptata de UEA ĝis 31 Decembro 1929. Por simpligi la akiron ni aranĝis kajeron, kiu entenas 10 biletojn po 30 centimoj, 6 biletojn po 50 centimoj kaj 3 po unu franko. La biletoj estas numerigitaj. La kajero kostas kun sendo al la mendanto **10 svisajn frankojn.*)** Estas vendata nur tuta kajero, ne unuopaj kuponoj. Ni konsilas al la Delegitoj, ke ili disponigu respondkuponon al personoj bezonantaj kaj ne povantaj akiri tutan kajeron. La vendoprezo de la unuopaj kuponoj aĉeteblaj nur ĉe Delegito estas 35 centimoj por 30, 55 por 50 centimoj kaj frankoj 1.10 por tiu de 1 franko.

Pri la administrado de tiu ĉi nova servo la Direktoro submetis al la Komisiono de UEA internan regularon, kiun ĝi akceptis dum novembro 1926.

Estu la Esperantista Respondkupono nova helpilo por la plifaciligo de la esperantistaj rilatoj kaj trovu la nova servo de UEA ne nur aprobon, sed ankaŭ vastan uzon ĉe la esperantista publiko, forigante de nun la plendadon de delegitoj pri manko de afranko aŭ pago.

*) Mendojn oni sendu al UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

XXIIIa jaro. No 317 (1) ☆ Monata ☆ Januaro 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENEVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

**Simpla abono** . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
**Kun la membreco de UEA** . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
**Unu numero** . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

**Anonco** (unu centimetra kolonero) . . . . 2.50 Fr. Sv.
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO



## Oriento kaj Okcidento

En Esperantujo la suno neniam subiras, ĉar sur la tuta globo ekzistas esperantistoj. La 15-an de Decembro la memoron de Zamenhof festis milo da grupoj aŭ societoj en ĉiuj partoj de la mondo. Norde en izolita Islando, okcidente en mirinda Kalifornio, sude ĉe l' Kabo, oriente en la nova ĉefurbo de leviĝanta Ĉinujo, ĉie laboras agemaj disciploj de tiu granda kaj modesta geniulo, kiu donis tutan vivon por helpi la homaron al pli da kompreno rekta, pli da justeco lingva kaj pli da frateco kora.

Ke la verko de Zamenhof respondas al urĝa bezono de la diverslingvaj eŭropaj nacioj, precipe en la centro, tion pruvas la progreso de nia lingvo inter la Balta maro kaj la Egea, sur kies bordoj la nova hellena registaro ĵus enkondukis la instruadon de Esperanto. Sed ĝi ankaŭ plenumas deziron de la orientaj popoloj, kiuj volas rilati kun la okcidento sur bazo pli egala kaj pli oportuna ol ĝis nun.

En Azio ekbatalas la grandaj naciaj lingvoj de Eŭropo kaj Ameriko. Ilian malfacilecon ankoraŭ plipezigas ilia politika signifo kaj ilia rivaleco. Oriento prave timas la elekton inter ili, la diplomatan influon de ili kaj preferus rilati pli facile, pli sendepende kaj pli facile per unu neŭtrala helplingvo.

En Persujo jam aperis lernolibro kaj fondiĝis kelkaj grupoj por Esperanto. En nia lingvo ĵus eldoniĝis granda volumo el Japanujo: la dika raporto de l' Aerologia Observatorio en Tateno. Jam pluraj medicinaj scienculoj aperigis en Esperanto siajn prelegojn en japanaj universitatoj. En la aziaj landoj nia movado kreskas en graveco kaj organizo.

Estas tempo pli serioze pensi pri la fortigo de niaj rilatoj inter Okcidento kaj Oriento. Ĝis nun nia centro, en Eŭropo, restis tro malproksime de la transmaraj movadoj. Nun ĝi klopodas ĉion fari por akiri pli konstantan, pli detalan kontakton.

Niaj orientaj amikoj rajtas influi esperantismon per siaj ideoj kaj konsiloj. Ili rajtas partopreni pli aktive en la regula evoluo de nia lingvo kaj en ĝia kontrolo. Tie ĉi ni jam de longe pledas por iliaj rajtoj kaj ĉion faris por akceli ilian reprezenton en niaj komunaj organizoj.

Krom rajtoj, ili ankaŭ havas kompreneble devojn. kiel ĉiu el ni. Estus dezirinde, ke ili bonvolu pli ofte nin informi pri ĉio okazanta ĉe ili, pri siaj eldonaĵoj, pri sia statistiko ktp. Estus ankaŭ dezirinde, ke ili pli grandnombre aliĝu al nia universala asocio kaj regule partoprenu en la reprezentantaro de niaj naciaj societoj, tiamaniere, ke ni sentu nin ĉiuj firme kune, tute proksime unu de la aliaj.

Multon ni povus fari por helpi unu la aliajn en propagando kaj utila uzado de nia lingvo. Multon ni povus lerni, unuj de la aliaj, ne nur kiel esperantistoj, sed kiel homoj. Ĉiam el Oriento venis al Okcidento altaj blovoj spiritaj. Jam nun ni konstatas kiom profunde la interna ideo de esperantismo allogas niajn ĉinajn kaj japanajn fratojn.

Nenion pli forte alsopiris Zamenhof ol tion, ke lia lingvo servu al la homaro por ekkonscii pri sia unueco familia. Ni esprimas al ĉiuj liaj sekvantoj, niaj ĉiulandaj samideanoj, nian plej koran bondeziron por sukcesa agado dum la nova jaro kaj sendas al niaj malproksimaj amikoj, ĉe l' bordo de la Pacifika Oceano, nian apartan saluton en la nomo de la tuta esperantistaro. Per Esperanto interfratiĝu Oriento kaj Okcidento en intima harmonio spirita.

*Edmond Privat*
Prezidanto de la Internacia Centra Komitato
de la Esperanto-movado

# EL NATURO KAJ SCIENCO

## Kosmogonio.

### Historio de ideoj pri la Mond-origino.

Komencante de la plej antikvaj tempoj, kaj ĝis hodiaŭ, la homa penso ĉiam volis penetri en la misterojn de la mondo, de ĝia konstruo, deveno, origino. Eĉ sovaĝuloj, primitivaj homoj, havas siajn naivajn ideojn pri la naskiĝo aŭ konstruo de la fizika mondo. Unu pedagogo rakontas ke li konis infanon, apenaŭ trijaran, kiu — post vico da demandoj, tute naturaj por la infanoj, ekzemple: „kio estas luno?“, „el kie aperas infanoj“, ktp., subite demandis: „kiu faris montojn?“, „kial steloj ne falas de la ĉielo?“. Kaj tiu infano certe estis unu el milionoj, tute samgrade scivolaj.

Tiel nomata industria kaj kultura progreso, kun la maŝinoj, motoroj, artaĵoj, forte influis al la publika spirito, kiu pli ŝatas kuri al la mono, lukso, facila ĝuo, prefere ol serĉi belaĵojn de la naturo kaj de la spirito. Tamen restas ankoraŭ granda parto de la pensantaj homoj kiuj ne estas indiferentaj antaŭ la grandiozaj spektakloj de la stelplena ĉielo, de la sunleviĝo, aŭ de la eklipso. Tiaj homoj avide absorbas ĉiuspecajn verkojn kiuj traktas, en populara formo, la problemojn de astronomio, geologio, kosmografio.

Unu el tiaj verkoj, laste aperintaj, kuŝas antaŭ ni; ĝi estas du dece presitaj volumoj, kun 500 grandformataj paĝoj, 83 gravuroj, 44 fototipaĵoj: *Louis Maillard. Quand la lumière fut.. Les cosmogonies anciennes. Les cosmogonies modernes. Lausanne. 1923-1926.* Por tiuj kiuj ne povas legi la verkon mem, ni donas mallongan resumon, ilustritan de kelkaj gravuroj, tiritaj el la verko.



*Egipta Ŝu dividas ĉielon de tero*

**Nekulturaj gentoj.** Fetiĉismo, animismo, totemismo estas unuaj formoj de la religio Fabeloj, mitoj, legendoj estas unuaj formoj de la scienco. Negroj sur Orbordo diras ke la dio *Niongmo* loĝas sur la ĉielo, de tie li faligas pluvon por doni vivon al la kreskaĵoj, la nuboj estas vualoj sur lia vizaĝo, la steloj estas gemoj de lia krono. En unu gento de Aŭstralio la ĉielestro *Kojan* mem naskis ĉiujn vivulojn. Fiĝianoj kredas ke la dio kreis unuan homparon, post multaj nesukcesaj provoj. Filo de la dio instruis al fiĝianoj la arton de fajro. La sama dio tenas la teron sur sia dorso. De tempo al tempo li turniĝas, pro laco, kaj tio okazigas tertremon. Indiĝenoj de Marian-insuloj diras ke *Puntan,* antaŭ la mondokreo, loĝis en malplena spaco. Sentante sian baldan morton, li komisiis al sia fratino konstrui la mondon el lia kadavro. El la brusto la fratino faris la ĉielon, el la ŝultroj la teron, la du okuloj servis por fari sunon kaj lunon, el brovoj ŝi faris ĉielarkojn. Eskimoj havas bonan dion de la ĉielo, lian patrinon, la teron, kiu estas malbona, avara, kruela. Suno kaj luno, frato kaj fratino ludas tra la ĉielo, kurante unu post la alia. La ĉielo bazas sur malproksimaj montoj, la tero bazas sur ŝancelantaj kolonoj, kiuj ne falas pro la senĉesa zorgado de *Angekokoj,* sorĉistoj.

**Antikvaj Kulturoj.** — Meksikanoj scias ke la mondo travivis kvin periodojn, interrompitajn de kvar katastrofoj; ĉiu periodo havis sian apartan sunon, kiu daŭris de 4 ĝis 5 mil jaroj. La tero aperis el la akvo, kiel grandega krokodilo. Unua suno lumis al periodo de grandeguloj. Dua suno estis ruĝa, kaj dua periodo finiĝis en fajrego, kiu detruis ĉion krom birdoj, sukcesintaj forflugi. Tria suno vidis unuan homparon, kiu naskis homaron. La grandeguloj estis ĉiuj mortigitaj de la homoj. Tria periodo finiĝis per ventego, la homoj pereis aŭ transformiĝis en simiojn. Kvara suno estis suno de akvo: iu serpentino naskis novan homaron, kiu fine pereis pro superakvego. Nur unu homparo saviĝis. Iliaj dekkvin filoj estis mutaj ĝis ĉiela birdo alportis al ili lingvon. Nun la homoj vivas en la kvina periodo kiu finiĝos pro iu nova katastrofo.

Ni preterpasas kosmogoniojn de Hindoj, kie profundaj ideoj miksiĝis kun simboloj kaj fantaziaj bildoj. Unu el tiuj lastaj prezentas la terglobon sub formo de la sankta floro, lotuso.

Babilona genezo: *Apsu,* senlima profundegaĵo, kaj *Mumnu Tiamat,* oceana kaoso, estis komence intermiksitaj. De tempo al tempo el tiu miksaĵo kreiĝadis strangegaj uloj dotitaj de senpersona kaj simplega vivo. Tiel pasis la tagoj kaj jaroj. Poste naskiĝis *Anŝar* kaj *Kiŝar,* ĉielo kaj tero, kaj fine iliaj gefiloj: *Annu* ĉieldio, *Bel* terdio, *Ea* mardio. Ĉiu el ili havis edzinon, aperintan el ili mem. Tiel naskiĝis Mallumo kaj Nokto, kiuj naskis Teron kaj Tagon. Tero unue naskis sian edzon, Stelĉielon, lokitan super ŝi. Poste ŝi naskis montegojn, freŝajn rifuĝejojn de diaj Nimfoj, fine la furiozan Maron . . .

*Ovidio,* la fama roma poeto, utiligis la kosmogonion de sia tempo por siaj verkoj. En „Metamorfozoj" li donas majestan rakonton kiu impresigas eĉ tiujn kiuj ne kredas al la legendoj: „Per unu




*Lotuso hinda simbolo de la tero*




*Babilona skemo pri la universo*

kreiĝis la monda diaro, malamika al *Tiamat,* la oceanestrino, kiu komencis naski multegajn monstrojn: homojn kun korvokapoj, birdojn kun homkapoj, ĉevalojn kun hundokapoj, multoblajn hundojn kun fiŝvostoj. Tiu teruriga armeo ĵetiĝis sur homojn kiuj ektimis, ktp. ktp. Tria gravuro montras skemon de la babilona kosmografio. La tero havas formon de ŝtupetaĵa piramido. Sep ĉieloj ĉirkaŭas la teron. Sep inferoj ĉirkaŭas la subteron. Ĉio estas tenita en unika sfero.




*Sferoj de Eŭdokso*

Hellena poeto *Hesiodo,* kiu vivis 2700 jaroj antaŭ nia tempo, tiel kantas en siaj verkoj: „Laboroj kaj Tagoj. La Teogonio." — Antaŭ ĉio ekzistis Kaoso; poste Tero kun larĝa brusto, restadejo de Senmortuloj, vivantaj sur neĝokovritaj pintoj de Olimpo; ankaŭ ekzistis malluma infero en profundo de la Tero; kaj Amulo, la plej bela el dioj. El Kaoso eldirita vorto, la Dia Majestulo, haltigante senordajn movojn de l' Kaoso, elkreis Sunon, Ĉielon, Elementojn, kaj ĉiujn belaĵojn de la Ronda Maŝino . . ."




*Skemo de Kosmas*

**Grekaj Filozofoj.** — *Eŭdokso Knida* (408—355 a. K.), unua el hellenoj, proponis sciencan teorion pri la universo. La steloj estas fiksitaj sur solida sfero, kiu turniĝas ĉirkaŭ la mondakso, kun konstanta rapideco. Ĉiu planedo moviĝas sur sia sfero, do estas ankoraŭ sep kuncentraj sferoj (la gravuro montras

nur tri sferojn). Unua, ekstera, sfero turniĝas ĉirkaŭ sia akso *aa;* la dua, estas interne de la unua, kaj havas du kombinitajn turniĝojn: sian propran ĉirkaŭ *bb* kaj tiun de la unua; la tria turniĝas ĉirkaŭ *cc* kaj krome partoprenas en la movoj de la du unuaj, ktp. *Aristotelo* (384—322) instruis, ke ne povas ekzisti „kosmogonio“ (= mondnasko) ĉar la mondo estas eterna, do nur „kosmologio“ (= mondscienco) povas ekzisti. La Universo estas limigita per ĉielo, post kiu nenio ekzistas, eĉ malpleno ne ekzistas. La Universo estas plenigita je Etero, kiu eterne moviĝas. El la Etero devenas Astroj, rondaj korpoj, eternaj, diecaj, inteligentaj. La mekanismo de la planedaro, kiun instruis Aristotelo, estas simila al tiu de Eŭdokso, la Tero okupas la centron. Sed la ideo, ke la Suno estas centro de nia planeda sistemo, jam ekzistis ĉe Hindoj kaj Hellenoj. *Filolao* instruis ke la tero turniĝas ĉirkaŭ la centra fajrejo. *Heraklido* skribis ke la Suno estas centro ĉirkaŭ kiu turniĝas Venuso kaj Merkuro. *Aristarko* instruis ke ĉirkaŭ la Suno, senmova en la centro, rondiras la Tero kaj la Planedoj.



DOMNVS NICOLAVS COPERNICVS, SACERDOS, CANONICVS REGVLARIS, ASTRONOMORVM KORYPHÆVS

**Kristana Kosmogonio.** — Absorbita per teologiaj kaj teokratiaj luktoj, la Kristana Eklezio malzorgis la sciencan flankon de la studado. Cetere, la scienco estis konsiderata de teologoj kiel malpia, danĝera herezaĵo. Tial okazis ke la ŝemida Genezo, kiun ni trovas en la Malnova Testamento, ĝisvivis la Mezepokon, Renesancon, kaj Novan Periodon. Sed la kristanaj verkintoj, restante fidelaj al la ekleziaj dogmoj, iufoje permesis al si krei teoriojn, kosmografiojn, kiuj nature ne kontraŭdiris al la Biblio. En tiaj senkulpaj spiritludoj la centron de la Mondo okupis la Tero, la centron de la Tero la monto Ararat aŭ la sankta urbo Jerusalem, la centron de Ararat la arkeo, kaj la centron de Jerusalem la tombo de Jesuo. Nia gravuro prezentas bildon de la mondo la *Kosmas Hindikopleŭsto* (VI jarcento) komercisto kiu fariĝis monaĥo, post vojaĝoj al Hindio kaj Etiopio. Laŭ lia sistemo la mondo estas speco de grandioza kesto, sur kies fundo staras plata tero kun altaj montoj. La kestoforma Mondo do harmoniis kun la tabernakla kesto de bibliaj hebreoj. La astroj estas movataj de la anĝeloj, simile al kandeloj portataj de la preĝejservantoj.

**Kopernik kaj Kepler.**

Nuna astronomio estis kreita per solidara laboro de multaj ĉielobservintoj kaj matematikistoj, el kiuj du grandaj figuroj markas la novan epokon: *Nikolao Kopernik* kaj *Johann Kepler.*

**Nikolao Kopernik** (1473—1543) estis pola abato, naskita en Torún (Thorn). Li studis en Krakovo, poste en Italio — Bolonjo, Romo. Dum 35 jaroj li konservis sian latinlingvan verkon „Pri Turnoj Ĉielaj“, kaj nur obeante al la amikoj, nelonge antaŭ sia morto, li konsentis ke oni presigu ĝin. Lia modesteco estu ekzemplo por tiuj nuntempaj ambiciuloj kiuj rapidas publikigi siajn verkojn, antaŭ ol ili maturiĝis. Kopernik ne atribuas al si la honoron de la eltrovo: li citas antikvulojn kiuj instruis pri la turniĝado de ta tero ĉirkaŭ la suno. Ankaŭ pri la gravitado (universa interaltiro) li esprimas ĝustajn ideojn. La libro de Kopernik estis komprenita siatempe nur de malmultaj scienculoj kaj liberpensuloj. Inter ili estis *Ĝordano Bruno* kiu pereis vivbruligita de la Inkvizitaro, kaj *Galileo Galilei,* kiu suferis en malliberejo kaj poste surgenue pardonpetis, neis sian konvinkon, antaŭ la minaco de la mortigo. Kopernik instruis, ke la Suno estas centro de nia planeda sistemo.

**Johann Kepler** (1571—1630), eksterleĝa infano, malsanema, studis unue teologion, poste matematikon kaj astronomion. Li estis licea profesoro en Graz,

el kiu oni forpelis lin pro disciplina kaŭzo. Tiam li venis al Praha por iĝi kunlaboranto de fama astr-observanto *Tiĥo-Brahe.* La penso de Kepler unue estis mistika kaj okultisma, li okupis sin pri astrologio, pitagorismo. Li serĉis geometrian harmonion de la universo: ĉiu planedo apartenas al sia sfero ligita kun regula korpo: globo, kubo, tetraedro, oktaedro, dodekaedro, ikosaedro. El tiuj junecaj revoj naskiĝis plimatura teorio, kies konfirmo estis bazita sur realaj observo-mezuroj de Tiĥo-Brahe, kiuj mortis lasinte al Kepler sian sciencan trezoron. En la aĝo de 47—48 jaroj li fine publikigis la 3 famajn leĝojn de la ĉiela mekaniko: ĉiu planedo turniĝas laŭ la elipsa orbito ĉirkaŭ la Suno, la surfacoj vektoraj estas proporciaj al la tempoj, la kvadratoj de orbit-tempoj estas proporciaj al la kuboj de mezdistancoj.




Tiuj 3 leĝoj ĝis nun restas, kune kun Kopernika teorio, la bazo de scienca astronomio. Malriĉa kaj malfeliĉa en sia infanaĝo, Kepler vivis malriĉe kaj malfeliĉe sian tutan vivon. Kredeble li trovis grandan konsolon en siaj brilaj sciencaj studoj. En momento, kiam li mortis, lia tuta heredaĵo, restinta al la vidvino, konsistis en 22 skudoj, 11 florenoj, iom da tolaĵo, vestoj, libroj. Kaj tiu mizerulo estis oficiala astronomo de imperiestroj, Rudolfo II-a kaj de du aliaj.

**Unuaj Sciencaj Kosmogonioj.** — Kiam la scienca astronomio naskiĝis, aperis unuaj sciencaj kosmogonioj. ***René Descartes*** (1596—1650), genia filozofo kaj matematisto, elpensis sistemon de turnaĵoj (tourbillons) kiu devis klarigi la kaŭzojn de la astro-movado. Alia geniulo, okultisto kaj viziulo, ***Swedenborg*** (1688—1772) interalie proponis teorion de la mondformiĝo. La universo estas plena de kosmaj turnaĵoj. Unu el ili naskis nian sun-sistemon. Turniĝanta kosma materio formis spiralojn, ringojn, kiuj poste diseriĝis je buloj, globoj, estontaj planedoj, kun globetoj, estontaj satelitoj. Malgraŭ nesufiĉa matematika bazo tiu teorio profete antaŭkaptis ĝustajn ideojn.

**Isaak Newton** (1642—1727) estis tiu kiu devis resumi kaj antaŭenpuŝi ĉiujn progresojn de matematiko kaj teoria astronomio. Kune kun Leibniz, li kreas Superan Analizon en matematiko kaj fondas Ĉielan Mekanikon per malkovro de la universa gravitado. Pomo kiu defalas de arbo, ŝtono ĵetita, luno kiu rondiras ĉirkaŭ la tero, tero kiu moviĝas ĉirkaŭ la suno, ĝenerale ĉiuj korpoj en la universo obeas al la leĝo de la interaltiro (gravitado).



**Buffon — Kant — Laplace.** — Tiuj tri pensuloj, naturisto, filozofo kaj astronomo, en pli kaj pli granda certeco, esprimis ideojn pri la kreiĝo de nia suna sistemo. *Buffon* (1707—1788) opiniis ke iam la terglobo estis fluida, fajra, kune kun la planedoj, naskitaj el la suno, en momento de la kosma kunpuŝiĝo kun granda kometo. *Kant* (1724—1804) instruis teorion laŭ kiu la kaosa materio komencis koncentriĝi pro la intermolekula interaltiro; aperas turniĝo, la maso platiĝas; aperas densaĵoj, kernoj de estontaj planedoj; kiuj siavice estas centroj por la satelitoj; la ringo de Saturno estas ilustraĵo de tiu mondformiĝo. *Laplace* (1749—1827), fondinto de la matematika ĉielmekaniko, bazita sur Kopernik, Kepler, Newton, proponis teorion, similan al la Kanta, pli detale ellaboritan. El primitiva nebulaĵo, varmega kosma vaporo, formiĝas centroj: unu granda, kerno de estonta suno, aliaj etaj, kernoj de estontaj planedoj, satelitoj. La fizika eksperimento de *Plateau* longe servis kiel okulvidebla ekzemplo konfirmanta la Laplace-an teorion: en akvo-alkohola miksaĵo ekvilibre restas samdensa olea bulo; per manturnilo ĝi estas turnmovata; la forcentriga forto platigas la olean bulon, kreas ringojn da oleo, kiuj poste diseriĝas je oleo-buletoj. Tiu bela eksperimento ilustras la Laplace-an teorion, sed ne pruvas ĝian ĝustecon.




**Hervé Faye** (1814—1902), la plej konata franca astronomo de la fino de XIX-a jarcento, reprenis turnaĵojn (tourbillons) por provi pli precizan astronomian kosmogonion. „En la komenco la universo

estis ĝenerala kaoso, treege maldensa, formita el ĉiuj kemiaj elementoj, intermiksitaj. Tiuj materialoj, obeaj al la reciproka interaltiro, estis de la komenco en diversspeca moviĝado, dispeciĝado. La pecoj, animitaj de translokiĝo kaj rotacio, naskis, pro progresema kundensiĝo, diversajn universojn de la kosmo.“ La aŭtoro ekzamenas kondiĉojn de la astronaskiĝo, iliajn relativajn movojn, rapidecojn, klinebenojn, spiralturniĝojn, masojn.

*Ligondès* en 1897 kaj *Lafouge* en 1898 publikigis studojn, kiuj pluen disvolvis la kosmogonion de Faye. La unua iom revenas al la Kanta, la dua bazas sur la Lakta Vojo, konsiderata kiel supergrada mondo.

**Dualismaj kosmogonioj.** — Por plilarĝigi la komprenon de la mondformiĝo, la du novaj teorioj celas harmoniigi Descartes-ajn turnaĵojn kun Newton-a gravitado. *E. Belot* dum dekok jaroj (1905—1923) disvolvis novan specon de kosmogonio, en kiu rolas du fazoj: konstrua — laŭ la turnaĵaj spiraloj, kaj ekvilibra — laŭ la gravitada moviĝo. La prasuno, nebuleca, grandega, fluganta al Apex, renkontas amorfan malvarman nebulamason. Okazas kunfrapiĝo je rapideco minimume 1000 km. sekunde, naskiĝas nova brillumanta „stelo“. Pro la frapego, en la ĉirkaŭa maso kreiĝas spiralformaj vibradoj, densiĝoj, dikiĝoj, kiuj evoluas en kometojn (ĉe polusoj), kaj planedojn (ĉe ekvatoro). La profilo de tiu funelforma tavolaro estas logaritma kurbo. La kalkulitaj de Belot planedaj distancoj diferencas de la realaj nur je 3 ĝis 7%.

Konata astronomo *See,* en 1910, ankaŭ esprimis opinion ke la renkonto de du kosmaj masoj estis primitiva kaŭzo de la mondformiĝo.

Abato *Moreux,* direktoro de Bourges-a observejo, en 1922, publikigis alian dualisman kosmogonion. „Amasaj fluoj da steloj, veraj procesioj da sunoj, montras ke ekzistas intima interrilato inter la stelpozicioj kaj la strukturo de la nebulaĵaj fluoj, iam ekzistintaj . . .

Iu nebula amaso, kvazaŭ duon-suno, ĵetita plenrapide en iun kosman nubon, okazigas grandegan ŝokon de miloj da kuglegoj, kuregantaj unu al alia kun rapideco de cent kilometroj sekunde; subita vaporiĝo de ĉiuj elementoj; inter-atomaj energioj tuj liberigitaj; profundaj tavoloj de l' vagabonda astro malordigitaj; oceano da fajro vomanta garbojn da brulanta vaporo; blindige brila kaoso kie ĉio kunmiksiĝis; senhalta flamegado de tunmiliardoj da eksplodaĵoj, disĵetantaj ĉiudirekten protuberancojn kun furioza rapideco . . . Subite, tiu ĉiela fajrego ŝajnas estingiĝi; iluzio, ĉar la elĵetaĵoj refalas sur la centran astron, kiun ili kovras je malhela lumo . . .“ Ni preterpasas matematikajn skemojn kaj fizikajn konsiderojn. *Moreux* tiel konkludas pri sia propra hipotezo: „Oni erarus pri la valoro de l' hipotezo ĝenerale, se oni en ĝi serĉus ion alian ol rimedon atingi, pere de rajtaj konkludoj kaj paŝo post paŝo, la veron. Estas do utila la laboro kiu konstruas hipotezojn sur solidaj bazoj; ĉiu alportas sian eron da veraĵo kaj ĉiu tiamaniere progresigas nin al la nekonato.“



*La mondo laŭ hinda emblemo populara*

**Ĝenerala Kosmogonio.** En tiu ĉapitro la aŭtoro (S-ro Maillard) ĵetas sintezan rigardon al la novaj ideoj pri strukturo kaj formiĝo de l' universo.

**Relativeca teorio.** — En tiu ĉapitro estas klarigitaj malnova relativeco, teorioj de *Einstein,* eksperimentaj konfirmoj de tiuj teorioj, ktp.

*

Riĉe ilustrita, dokumentita; verkita en klara stilo, la verko de S-ro *Maillard* estas atentinda aperaĵo, kiu resumas la plej belajn, majestajn, eltrovojn de Astronomio, en la periodo de 3000 jaroj, de tiu Ĉiela Scienco, kiu estis la unua, inter la homaj sciencoj, kiu estas la lasta, kiam necesas eldiri „lastan vorton“ pri la naskiĝo, evoluo kaj sorto de nia fizika mondo.

* * *

La aŭtoro de tiu rimarkinda verko Prof. Louis Maillard, de la Universitato Lausanne, volonte eldonus ĝin en Esperanto, se montriĝus intereso por tio. Kiuj deziras subteni tiun projekton skribu al UEA. Aliflanke ili povas ricevi de nia oficejo la francan aldonon je favora prezo de 10,50 frankoj afrankite. (Red.)

# La vintro en Svislando

Originalo de *A. Junod,* direktoro de l' Svisa Turisma Oficejo.

✫

La belaĵoj de Svislando, ĝiaj lagoj romantikaj, ĝiaj montoj kun eternaj neĝoj, ĝiaj banlokoj, ĝiaj sentime ĵetitaj fervojoj, ĝiaj historiaj memorindaĵoj, ĝiaj originalaj lokaj kutimoj, ĝiaj bonfamaj lernejoj kaj institutoj, ĉio jam delonge kontribuas al la fakto, ke tiu ĉi lando fariĝis la renkontejo de la tutmonda vojaĝantaro.

Ĝis la fino de la 19-a jarcento Svislando altiris la turistojn precipe dum la somera sezono. Ili tie sin donis, kiel ankoraŭ nun, al la someraj sportoj, al pied-ekskursoj, al alpinismo, al fiŝkaptado, boatveturo, naĝado; ili restadis en bankuracaj lokoj aŭ vizitadis la pentrindajn urbojn.



*Artglitkuri en St. Moritz*

Sed depost trideko da jaroj ankaŭ la vintro fariĝis sezono de turismo kaj de liberaeraj sportoj. La sekreto de tiu transformiĝo estas en la higienaj kaj resanigaj kvalitoj de la vintra altmontaro, de ĝia viviga pura aero, libera de la polvo kaj la mikroboj, de ĝia atmosfero intense lumpotenca.

Dum la nebuloj vintraj estas tre oftaj gastoj de ebenaj landoj, ili estas nekonataj en altaj regionoj. El tiu ĉi vidpunkto la montaj partoj de Svislando, tio estas Alpoj kaj Jura Montaro, povas esti konsiderataj kiel la paradizo de l' vintraj sportoj. La suno tie brilegas ofte dum tutaj semajnoj kaj monatoj, sub la ĉielo senŝanĝe pura. La montoj kaj altaj valoj estas preskaŭ ĉiam kovritaj de mantelo da seka neĝo, tial la aero tie restas treege pura.

La suna elradiado eksterordinare forta permesas, malgraŭ malalta temperaturo, la restadon kaj ekzercadon sub libera ĉielo en ĉambraj vestaĵoj. Kondiĉe, ke la malsanuloj estas ŝirmitaj kontraŭ la vento, kio fakte ekzistas ĉe sanigaj establejoj de Arosa, Davos, Montana, Leysin kaj multaj aliaj, ili povas resti kuŝantaj dum longaj horoj sub la sunradioj, apenaŭ kovritaj de iu somera vestaĵo. Ankoraŭ pli bone: oni vidas en vintromezo, sur la neĝo, ĉe la malalta temperaturo, infanojn kaj junulojn, kiuj — vestitaj nur je fortaj ŝuoj — ludas nudaj sub la suno, aŭ sin okupas trankvile pri io ajn alia. Malsanuloj, resaniĝantoj kaj bonfartaj personoj tie ĝuas la sunan lumaktivadon, kies influo sur la homan organaron estas nekompareble valorega.

En tio estas la sekreto de la kreskanta famo de svisaj montoj kaj de ĝiaj vintraj restadejoj, kiuj ĉiuloke estas bone provizitaj, hejtataj kaj posedas komfortajn hotelojn. Al la bonefikaj ekzercoj kaj plenaeraj promenadoj aldoniĝas la ĉarmaj longaj vesperadoj kun ilia korteĝo da festoj kaj amuzaranĝoj.

Glitkurantoj kaj skiistoj, amatoroj de neĝveturileto, skeletono aŭ bobslejgo, fervoruloj de „curling" aŭ de „hockey", forkurinte el la ebenaĵoj nebule kaŝitaj, venas serĉi sur la sunlumitaj altaĵoj la pentrindajn lagojn kaj glaciiĝitajn lagetojn, la klinvojojn kaj neĝajn deklivojn, kiuj prezentas al ili mirindajn kampojn por la ekzercadoj. Al ĉiuj kiuj serĉas distradon de ilia absorba taglaboro, al la sportuloj avidaj je granda aero, je suno, je lumo, precipe al tiuj, kiujn embuskas la neŭrastenio, al ĉiuj — ni konsilas gustumi la montaron dum la vintro, por konatiĝi kun ĝia altvalora bonfaranta influo sur la korpon kaj la spiriton.

La skiisto prefere serĉas sufiĉe altan lokon por superregi la nebul-maron kiu ofte dum la vintro kovras la ebenaĵojn kaj lagojn, ĉar samtempe sur la altmontoj la suno regas potence. Tiuj, kiuj ne konas la vintran montegaron, kiuj ne havis privilegion admiri la delikatan puntaraĵon de alpaj pikoj sin levantaj el la nubegaro, tiuj ne trasentis unu el la plej puraj emocioj kiun povas havi homo antaŭ la spektaklo de la naturo en ĝia tuta brilego.

La regiono rezervita al la skiistoj enhavas ĉiujn montarojn super 1000 metroj: Grizonoj, altaĵoj de St. Gall kaj Appenzell,



*Gstaad*



*Ste Croix*

Centra Svislando, Berna Oberlando, Valda Alparo kaj friburgaj, Valeso kaj Jurao. Dank' al la skio, la neĝo, kiu antaŭe malhelpis la komunikadojn, fariĝis nun grandega vojo. Ĉiuflanke la spaco estas malfermita por la skianto; ĉiuloke liaj etpezaj tabuletoj lin portas tra la montetoj kaj arbaroj, nenio lin povas haltigi, li supreniras la montojn, poste reglitas en la valojn kun kapturniga rapideco. „Nenio pli disvolvas la muskolfortojn“, diras Nansen, „nenio pli faras la korpon elasta, nenio pli donas da sinrego kaj lerteco, nenio pli fortigas la volon, nenio igas la spiriton tiom freŝa kaj vigla kiom la skia ekzercado“.


*Davos*

La ĉefaj vintraj restadlokoj posedas glitkurejojn, kies glacio, bone prizorgata, estas ĉiutage rabotata kaj akvumata. Kelkaj glitkurejoj havas parton rezervitan por la ludantoj de „hockey“ aŭ de „bandy“, kaj de „curling“. Ni citu inter la vintraj sportolokoj tiujn, kiuj havas la plej famajn glitkurejojn: St. Moritz, Celerina, Pontresina, Davos, Arosa, Klosters, Rigi, Kaltbad, Engelberg, Andermatt, Mürren, Wengen, Grindelwald, Kandersteg, Adelboden, Zweisimmen, Gstaad, Château d'Oex, Les Avants, Caux, Diablerets, Leysin, Villars, Morgins, Champéry, Montana, Louèche-les-Bains, St. Cergue, les Rasses. Pluraj el tiuj lokoj havas neĝkampojn zorge aranĝatajn por la fervoruloj de la glitveturileto, bobslejgo kaj skeletono. — Do, la adeptoj de l' vintraj sportoj estas vere embarasitaj per la abundeco de elekto. Kien ajn ili sin movas, ili certe trovas, dum la tuta malvarma sezono, la sportajn establejojn kiuj povas kontentigi ilian guston, kaj la hotelojn komforte aranĝitajn; fine, ili trovas la neĝon kaj la glacion, unuajn kondiĉojn de la sportoj, la puran aeron, la brilradiantan sunon, la prujnornamitajn arbarojn, la cirkojn da altmontaroj, la blindigajn panoramojn. Ĉu estas necesa ankoraŭ io alia, por ke la montoj allogu en kreskanta nombro tiujn, kiuj sentas bezonon momente forlasi la absorbantajn okupadojn de la urbo, la fumozan kaj polvoplenan atmosferon de l' grandaj centroj, la malsekaĵon kaj nebulon de l' ebenaĵo, por sin bani sur la monto — en la aero vivdona, inter la sunriĉaj pejzaĝoj kaj meze de la naturo ideale bela!

---

# El la „Rubajat“ (Notlibro)

de *Omar Ĥajam.*

La verko de ĉi tiu persa poeto vivinta en la 11-a jarcento, kvankam ĝi montras ŝajne materialistan filozofion, entenas pensojn de profunda spirita valoro.

XLII

Kaj tra hotela pord' en tagofino
malhele, ŝtele, venis anĝelino,
portante vazon sur la ŝultro kaj
min petis trinki . . . trinko estis vino!

XLIII

La Vino per logiko absolute
rebatas la sektaron plenrefute — —
subtila alĥemio, kiu ŝanĝas
la plumbon de la viv' al oro tute.

XLIV

La glora Mamud, forta, nevenkita,
al tuta miskredanta ar' bandita
da ambroj, timoj, en anim' svarmantaj
dispel-detruas per la glav' sorĉita.

XLV

Ho, lasu disputadon al saĝuloj,
kaj meze de l' tumulto, en anguloj
kvietaj, moku ni la mondbatalon;
ni ridu ĝin; ĝi faras nin nur nuloj!

LXVII

Ha, min mortantan benu per la Vino,
per Vin' la korpon lavu, en la fino;
en mortotuk' el vina foliaro
kuŝigu min en dolĉa ĝarden-sino,

LXVIII

ke mia cindro per la bonodoro
dolĉe-insida, kiel juna floro,
surprizu ĉiun fidelulon, kiu
min pasos, kaj lin tenu je la koro.

LXIX

Kaj vere, mia amo al idolo
min lasis sen kredito, sen konsolo,
dronigis la honoron en pokalo,
kaj vendis la bonfamon por obolo.

LXX

Ho, ofte, ofte, ĵuris mi la penton . . .
sed ĉu mi sobre pelis for la tenton?
Printempo tiam, roz'-en mano, venis,
en pecojn ŝiris eluzitan penton.

LXXI

Kulpa la Vin' je multa perfidaĵo,
je rabo de l' honora la vestaĵo;
sed diru . . . kion la vinist' aĉetas
duone karan kiel la vendaĵo?

LXXII

Kun rozo, ve! printempo flugas for!
De l' libro de junec' la bonodor'
pereas. Najtingalo ĵus kantinte
el kie flugis, kien? Vana plor'!

LXXIII

Amata, se ni povus en konspiro
ĉi-universon, idon de deliro,
ekkapti kaj frakasi, ĉu ni ne
refarus ĝin laŭ nia kordeziro?

LXXIV

Ha, lun' de mia ravo, ĉiam hela,
relevas sin la glora lun' ĉiela;
ŝi ofte min reserĉos tie ĉi
(sed vane, vane!) en ĝardeno bela.

LXXV

Kaj kiam vi, en brilpieda paso
de lok' al loko inter la amaso
da gastoj sur la herbo, ĝoje venos
al mia loko . . . nur malplena glaso!

Tradukis *A. Delsudo,*
Rabaul, Nova Gvineo.



## LITERATURO



# Tri Reĝoj*).

De *Vasile Pop***).

Kristnaskan vesperon la geedzoj malgaje sidas ĉe la tablo. Kvarono de jarcento pasis, de kiam ili vivas kune, sed tamen solaj, ĉar ilia filino malaperis antaŭ ok jaroj kristnaskan vesperon; ŝi forkuris kun malriĉa junulo petinta ŝin por edzino. La knabino multe ploradis, sed vidante, ke ŝiaj gepatroj estas decidintaj ŝin doni nur al homo kun havaĵo aŭ almenaŭ kun „situacio en perspektivo", ŝi senespere decidis: foriris kun li.

Ĉiuj serĉoj restante vanaj, ŝia patro estis nekonsolebla, ke li malfeliĉigis sian filinon pro mono, pro havaĵo; kaj li estus volinta ŝin revidi, ŝin havi ĉe si, eĉ se li estus la plej lasta mizerulo, li estus aminta lin, nur por ke ŝi estu feliĉa kaj foje-foje montru sin al li. Sed ĉio vanas . . . Nenia vivsigno.

Kaj nun, pasis jaroj, de kiam ili priploras ŝin kiel mortinton: pasis ok jaroj, de kiam la domo ŝajnas al ili dezerto, ok jaroj, de kiam ĉiu kristnaska vespero estas vespero de malgajeco, kiam ili sidadas parolante pri sia „Helenjo", rememorigante al si, ke tiutempe kiel etulino, ŝi promenis tra la domo kun „la stelo", plenigante la ejojn per ŝia gajeco; kiel ŝi kantis stelokantojn, kiel ŝi serenigis ilian vivon. Estas memoroj dolorigaj, sed tiome dolĉaj, ke malgraŭ ĉiu enhavata ĉagreno, la duo gepatra faras ĉion eblan por refreŝigi ilin.

Delonge vesperiĝis.

La maljuna servisto venas al la tablo kaj raportas: „Mastreto, ekstere estas kelkaj infanoj kun la stelo: ili estis ankaŭ pasintvespere".

„Jes, mi memoras", diras la Sinjorino, „tiom bele ili petis por ke ni lasu ilin kanti, ke, se mi ne estus sciinta, ke estas malgaja, mi estus vokinta ilin: delonge mi ne aŭdis infanajn voĉojn . . . Ĉu ili envenu . . .?

La Sinjoro glatigas sian frunton kaj diras al la servisto: „Voku ilin . . ." Kaj post la eliro de la servisto, li flustras sopire: „Almenaŭ kristnaskvespere ni aŭdu infanajn voĉojn".

La servisto envenas farante lokon por la „steluloj"; sed ju pli trankvila li estas kutime, des pli ekscitita li ŝajnas nun.

Kvazaŭ li malvarmus, tiom vigle li moviĝas. Li lokigas la infanojn en la ĉambron. La tri Reĝoj de oriento, kune kun la pajaĉo, enviciĝas apud la stelo. Pajaĉo, maskita per peltomasko estas vestita virinmaniere, longan ĉakon havas sur la kapo, estas pli alta, ol la reĝoj kaj staras sin retirinta post ili. Kaj kiam la infanoj ekkantas, ŝi silentas. Du el la tri Reĝoj estas knaboj: la unua sep- kaj la alia sesjara. La plej malgranda Reĝo estas knabineto kvarjara, kun rigardo dolĉa, tiom kara, ke ŝajnas petegi rigardante en ies okulojn.

Iliaj karaj voĉoj estas ĉiela muziko por la koroj de la geedzoj. La maljunulo aŭskultas ilian kanton kaj la Sinjorino rimarkas, ke dum la kanto la knabineto sin turnas al Pajaĉo kaj diras iom balbute, sed kun delikata tono:

„Ĉu vi ne tantas (kantas)?"

Pajaĉo tremetas, sed kliniĝas, signas per la fingro al la knabineto kaj volas sin regi.

Kiam finiĝas la kanto, la plej malgranda reĝo iras al la mastrino, prenas kaj kisas ŝian manon. La sinjorino klinas sin por rekisi la infaninon, sed ekvidante la vizaĝon de l' etulino, ŝi konsterniĝas. Kun movo ŝi proksimigas la knabinon al la lumo, rigardas ŝin, poste metas la manon sur sian koron kaj demandas per voĉo vibranta de emocio:

„K-k-kies vi estas, knabineto . . .?!"

„De panjo", respondas la infanino, kisante la vangojn de la sinjorino.

La edzo aŭdis la demandon de sia edzino, li rapide leviĝas, alproksimiĝas kaj rigardas la vizaĝon de la infanino, flustrante kun miro:

Kia stranga simileco . . .! Lenjo nia . . ."

La infanino karesas liajn vangojn per la mano kaj diras karece:

„De tie (kie) vi scias, te mi nomidzas Lenjo, ocjo?"

„Etulineto!", diras la sinjorino kortuŝita, „kiom naiva ŝi estas!"

Sed la servisto, haltinta ĉe la pordo kvazaŭ freneze, rigardas Pajaĉon. Pajaĉo ŝajnas havi tro longan hararon kaj ŝajnas, ke la tuta hararo estas ŝovita sub la ĉakon. Ŝajnas, kvazaŭ plorus Pajaĉo, ĉar ŝi levas la manon al la okuloj kaj ŝia brusto saltadas, kvazaŭ sub ĝemoj retenitaj . . .

La maljunulo sentas penetron de neklarigita konsterno; kun tremanta gesto li vokas pli proksimen unu el la knaboj, rigardas lin, en penso komparas lin kun malnova memoraĵo, kaj prenas lin en la brakojn, demandante pri lia nomo.

La sinjorino, kaptite de stranga antaŭsento, rigardas al la pordo kun okuloj grandaj, mirigitaj; ŝi vidas la nekutime ekscititan aspekton de la servisto,

*) Estas kutimo en Rumanio, ke la vesperon de kristnasko infanoj vestitaj je Tri Reĝoj kaj Herodo, portante paperstelon lumigitan kaj kante iras de domo al domo kaj prezentas la historion de la naskiĝo de Jezuo.

**) Naskiĝis en 1876. Li havis maltrankvilan vivon, parencan al tiu de Gorki. De li aperis la sekvantaj volumoj de noveloj, skizoj, romanoj kaj rakontoj: La minejo de l' vivo (1902), Neniaĵoj (1903), El la amo de l' etuloj (1904), Princineto Violeto, romano (1905), Rido kaj ploro (1906), Tra la sorĉo de l' amo (1907), Kiel amas knabino (1907), Kiel ni amu (1908), Pli forta, ol la amo (1909), La amo triumfanta (1911), Amo pro okuloj (1915), La enamiĝinta Usonanino, romano (1920).

ŝi rigardas Pajaĉon, kaj ŝi vidas tra la larĝaj truoj de la masko, okulojn grandajn malsekajn, petantajn. Fulmo trapasas ŝian koron. Tiu rigardo!? Tiuj okuloj! Sinjoro! Ĉu ŝi sonĝas!? . . . Ŝi vidas, kiel saltadas la brusto de Pajaĉo; ŝajnas, ke ŝi aŭdas mallaŭtan sonon de sopiro-ploreto; kaj ŝi ne povas klarigi al si, kial tiu emocio tremiga. La Sinjorino apogas sin al seĝo, ŝi fikse rigardas la maskitan estaĵon kaj ŝia koro bategas en la brusto, kvazaŭ atendante okazontaĵon decidigan.

Ŝi delasas la seĝon kaj kun rigardo fiksita sur Pajaĉon, ŝi antaŭpaŝas: nomo venas sur ŝian buŝon. La sinjorino etendas la manojn al la fremdulino, kaj kun tremantaj lipoj, kun deformita vizaĝo, kun okuloj malsekaj pro emocio, ŝi diras kun la tuta sopiro de sia animo: „Helenjo kara!“

Pajaĉo ektremas, etendas la manojn al la sinjorino, kaj falas surgenuen. Superŝutita de emocio ŝi apenaŭ havas forton por diri: „Patrino“ kaj ŝi ekploregas.

La boero*) delasis la knabon: li proksimiĝas nun al la grupo, kaptite de tremiga emocio, kaj li ne kredas al siaj okuloj.

La sinjorino plorante kliniĝas al Pajaĉo, deprenas ŝian maskon kaj ŝi kisas la vizaĝon de la juna virino, plorante, en sopiroj dirante:

„Karulino de patrino, knabino! Karulino!“

Kaj ŝi levas ŝin al sia brusto.

La sinjoro luktas kun la emocio, jen li ridus, jen plorus pro la feliĉo. Kun okuloj malklaraj de larmoj, li kliniĝas super la du virinojn kaj ĉirkaŭprenas ilin per la brakoj, plorante. La servisto forrapidas de la pordo, kisas la manon de Pajaĉo kaj poste li viŝadas siajn okulojn, flankeniras kaj ploregas kvazaŭ freneza pro ĝojo.

La infanoj miras, nesciante kion opinii pri la okazintaĵo; sed la knabineto per certaj paŝoj proksimiĝas al la Stelo, ŝi ekprenas kaj levas ĝin direktante al la grupo — kaj kun ŝia voĉo arĝenta — ekkantas heroe, kiel granda kaj brava imperiestro:

„Tli ledzoj (reĝoj) de oliento . . .!“

La sinjorino foriĝas de la grupo, ŝi prenas en brakojn la knabineton kaj kisas ŝieton, dirante en larmoj:

„Anĝeleto de patrino, ĉu ne vere, vi restos ĉe mi?“

„Mi ne estas andzelo“, diras la knabineto, „mi estas Impeliestlo!“

„Bone, vere: vi estas „impeliestlo“. Ej, „Impeliestla“ Moŝto, ĉu vi restas ĉe mi?“

„Se lestos panjo, lestos antaŭ (ankaŭ) mi“, diras la granda Imperiestro, ekprenante kaj kisante ŝian kolon; poste konfidencie, ĉar la Imperiestroj kelkfoje estas konfidenciaj al la ordinaraj mortontoj, ŝi aldonas: „sed sciu, sen . . . sen panjo mi ne luudas!“

El la rumana originalo tradukis *Tiberio Morariu.*

*) Boero = nobelo rumana.

# *Homoj kaj abeloj*

de *Liang-ĉu-vaj.*

Poetoj kiel Maeterlinck aŭ scienculoj kiel Forel ame studis la vivon de insektaj komunumoj: abeloj, formikoj. Ankaŭ filozofo Bergson ie rimarkas pri ties alte organizita socia vivo. Ĝi ĉiam igis min ĵaluza.

Nur pensu momente pri la miloj kaj milionoj da bonaj homoj, instruistoj, apostoloj, predikantoj, ĉiutage ŝvitantaj por enigi en niajn egoistajn cerbojn la ideon, ke ni servu niajn fratojn, sindonu al la kolektivo, akceptu altruismon, kooperadon, socialismon, solidarecon, komunismon ĉiukoloran aŭ eĉ nur simplan organizemon. Kia peno! Kia ŝvito! Kia langlacigo!

Dume tiuj etaj insektoj ĉion ricevis de la naturo en sia propra instinkto. Altruistaj, kooperaj, socialistaj, solidaraj, komunistaj ili naskiĝas same kiel flavaj aŭ nigraj kun flugiloj kaj antenoj. Same kiel ni manĝas, spiras, dormas instinkte, sen virto, sen peno, ili servas sindone sian komunumon tute maŝine, tute nature senpripense. Egoismo estas ĉe ili nenatura, kontraŭinstinkta, kvazaŭ fasto por ni.

Kiom oportuna tia instinkto! Kiom tempoŝpara! Senmerita kompreneble, sed kiom pli praktika ol nia terura egoista instinkto senĉese kontraŭa al komunaj bezonoj kaj interesoj!

Ĉu malica kreinto volis turmenti la homojn donante al ili konsciencon kaj instinkton ĉiam interbatalantajn, kiel kantis Vigny en siaj maldolĉaj poemoj? Tio estus kruelaĵo neŝupozinda.

Ĉu abeloj kaj formikoj estas pli antikvaj ol ni en civilizo kaj iom post iom kreis al si tiun kolektivistan instinkton? Tiam ni nur estas kompare malprogresaj bestegoj ankoraŭ bezonantaj centjarojn por atingi la moralan altecon de l' organizitaj insektoj. Kiom humilige! Tamen ni paciencu, ĉu ne?

Ĉe homoj oni tamen observas unu tian econ instinktan, la sindonon de patrinoj al siaj junaj idoj. Tie, egoismo estas escepta kaj kontraŭnatura. Cetere tio estas tute simila ĉe leonoj aŭ tigroj. Kun tiaj kolegoj ni staras multe pli egale.

Tia instinkto patrina povis sufiĉi en epoko kiam ekzistis neniu alia homa grupiĝo ol familio de infanoj ĉirkaŭ naskinta virino. Pri la vagantaj patroj ni ne tro parolu. Malrapide kreskis ilia sindono al la familio. Tamen ĝi ekzistas nun en certa proporcio.

Sed la homa vivmaniero evoluis multe pli rapide. Nun ni vivas kiel abeloj aŭ formikoj en grandaj sociaj grupiĝoj, sed ĝuste mankas al ni preskaŭ tute la organiza kaj sindona instinkto. Al ordinaraj homoj estas ankoraŭ nature labori nur por si mem aŭ por la familio, sed tute ne pensi pri la ĝenerala aro.

Tie kuŝas granda abismo inter la kolektiva bezono kaj la individua instinkto. Ĝi kaŭzas senĉesajn

konfliktojn kaj malordojn. Iom post iom kreiĝis ĉe homoj sento pri patriotismo, sed ĝi ankoraŭ restas sur la kampo de milita defendo kaj tute ne atingis la gradon de ĝenerala servado kaj sindonado al la geografia nacio en aliaj kampoj.

Kaj tamen eĉ tie la homaro denove evoluis pli rapide ol la instinkto. Nacioj ne povas plu vivi izolite. Ili emas kuniĝi en aran ligon kaj tiam patriotismo ne plu sufiĉas. Instinkto pli kolektiva devas ĝin anstataŭi aŭ kompletigi. Ankoraŭ ĝi mankas ĉe la plimulto. Faktoj iris pli rapide ol sentoj. Kredeble okazos iam simile pri la klaskonscio. Tre rimarkinde estas, ke la homaj instinktoj ĉiam malfruas kompare kun la socia stato.

Kion fari? Ni ne atendu miraklojn. Multaj homoj konsideras la tutan kampon pri konscienco kaj moralo kiel nuran aferon de koro kaj kredo. Tio montras ĝuste ilian tro individuan instinkton. Kio estas kora aŭ konscienca por unu ero, estas ofte saĝa kaj racia por la tuta aro. Vidu amon. Por vi ĝi estas afero nepre kora. Sed por la homaro ĝi estas saĝo, eĉ kalkulo. Ĝi signifas daŭri.

La inspiro de konsciencoj kaj la altruistaj instigoj blovantaj tra la homaro estas eble la granda klopodo de la naturo akordigi nian instinkton kun nia kolektiva vivmaniero. Kiam la esperantistoj per sia senlaca penado helpas la individuojn akiri homarsenton, ili ankaŭ ŝvitas por ke ni postkuru la socie-saĝajn abelojn kaj formikojn. Tiu ŝvitado ne estas perdita. Ĝi respondas al urĝa bezono de la homa familio.

---

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj ĝazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

**Zamenhofa traduko. — Psikagogio. — Lenina verko. — Diversaj broŝuroj. — Vortaroj. — Propagandiloj.**

*

La dua kolekto de *Fabeloj de Andersen,* tradukitaj de nia majstro, kaj iam aperintaj en La Revuo, ĵus estis eldonita, dum la unua kolekto reaperas en dua eldono. La tutan faman fabelaron de l' mondkonata dana poeto kaj rakontisto ni do posedas. Ne bezone rediri, kiom tiuj porinfanaj historietoj estas ankaŭ alikaŭze interesaj por maturuloj; kiom da ironiaj aŭ paradoksaj aludoj enestas; kiom imagema kaj pentrema estis la aŭtoro. Sed la traduko mem estas por ni grava, kaj ni ĉiam admiras la simplan facilan stilon de Zamenhof, la lertecon per kiu li sukcesas ĉion diri, malgraŭ la modesta vorttrezoro de nia lingvo, sen serĉado al novaj radikoj aŭ kapturnigaj kunmetaĵoj. Tamen, de la unuaj tradukoj al la lastaj, progreso estas sentebla. En Virineto de l' maro, kredeble pli frue tradukita, vortoj „plu" kaj „kvazaŭ" forestas, anstataŭitaj de „pli" kaj „kiel se"; „elrigardi" fariĝis „aspekti", „trunkido" ŝanĝiĝis en „trunketo", ktp. Pruvo ke Zamenhof ne deziris ŝtoniĝon de l' lingvo, ke li akceptis ĉiun racian pliriĉigon, dum aliflanke li ŝparis la neologismojn per eluzo de ĉiuj eblecoj en la jam ekzistanta materialo. En la dua kolekto iom mirigas la oftaj „kunkun" (kunkunfaldi, kunkunpremi, kunkunŝoveli, k. m. a.), la vorto „treti" (piedpremi, tredi en Boirac), „ĉi" en senco de „ĉi tie". Ambaŭ volumoj, streĉe presitaj, kun tre ampleksa teksto estas aĉeteblaj por tre malalta prezo; tio, krom la valoro de l' verko kaj de l' traduko, espereble necesigos baldaŭ pluajn eldonojn, kiuj indus pli belan paperon kaj pli grandan literaron.

*

Ni de longe sonĝas pri tempo, kiam Esperanto estos ĉie akceptita internacia perilo. Tiam, ĉiu homo scipovos la helplingvon: tiam literaturistoj kaj sciencistoj mem verkos esperante tradukojn de siaj romanoj aŭ resumojn de siaj studoj. Ĉu ne ekestas tiu tempo, kiam ni vidas, ke konata aŭtoro de psikologiaj libroj, S-ro C. Baudouin mem prelegas en la kursoj de l' Ĝeneva Kongreso, kaj mem verkas en Esperanto, por numeroj 5 kaj 6 de Biblioteko Tutmonda, atentindan sciencan traktaĵon pri *La arto de memdisciplino?* En tiu tre interesa kaj, malgraŭ la tre speciala temo, tre klara libro, la nova Psikagogio aperas sintezo de ĉiuj konservendaj praktikaĵoj el la diverstempaj filozofioj, de Budismo, Stoikismo kaj Kristanismo, ĝis la modernaj Kristana Scienco kaj Psikanalizo. Sed tian jam koncizan studon oni ne rajtas velkvolvi en seka resumo. Se multaj tiaj verkoj envenas en Bibliotekon Tutmondan, tiu kolekto akiros grandan valoron. Ankaŭ je lingva vidpunkto la libro pruvas ĉiel taŭgecon de Esperanto; novaj kunmetaĵoj kiel „sentilo", „venebla" estas tre trafaj esprimoj. (Nur du eraretoj frapis la okulojn de l' leginto: „direkte de", anstataŭ „direkte al" kaj „impotenco" anstataŭ: impotenteco aŭ senpotenco).

*

Sennacieca Tutmonda Asocio daŭre eldonas librojn defendantajn sian idearon; nun aperas kun portreto de l' aŭtoro, verko de Lenin pri *Ŝtato kaj Revolucio.* Tiu energia pledado estas ĉefe komentaro de paĝoj ĉerpitaj en Marx kaj Engels; ĝi klarigas, kiel Ŝtato estas nur ilo por ekspluatadi kaj premegi la proletan klason, kiel parlamentoj estas nuraj babilejoj, kie privilegiuloj trompadas la simplan popolon, kiel la laboristaro kaj la kampularo devas unue perforte konkiri la politikan regadon, organizi la diktatorecon de l' proletaro; cetere ĉi tiu estas nur provizora unua ŝtupo, kaj komunismo trovos sian fincelon en neniigo de l' Ŝtato, kiam formortados la tuta ŝtatmaŝino fariĝinta senutilaĵo post malapero de l' klasbatalo. La tuto apogas sin sur senĉesa akra kritiko de l' demokrataj socialistoj, tiuj oportunistoj, kripligistoj de l' vera marksismo, fuŝistoj de l' revolucia agado, ŝovinistoj kaj patridefendistoj, unuvorte renegatoj kaj filistroj. La verko estas interesa dokumento, kiu precize montras la vojon kaj volon de komunismo per voĉo de unu ĝiaj ĉefaj kondukintoj; sed la ĉiama batado, inter tamen proksimaj tendencoj, per priteksta harfenda dialektiko, iom memorigas la vanajn privortajn disputojn de skolastikistoj en mezepoko. La traduko estas taŭga, krom multaj longaj frazoj komplikigitaj per disigo de partoj de sama komplemento; oni ankaŭ uzis „et, eg, aĉ" kiel prefiksoj.

Ankaŭ pri Ruslando temas *Ligilo U. S. S. R.* Unuiĝo de oficistoj de Poŝto, Telegrafo, Telefono kaj Radio konigas en tiu ilustrita broŝuro la kondiĉojn de l' laboro, la organizon de l' sindikatoj, la profesiajn avantaĝojn, esperante ke alilandaj samfakaj asocioj faros la samon. La broŝuro ankaŭ celas kontraŭdiri malverajn asertojn oftajn en fremdaj ĵurnaloj. Ĝi precipe interesos laborantojn en similaj alilandaj ŝtataj entreprenoj. Oftaj preseraroj enestas kiel ankaŭ trouzo de literaj mallongigoj (U. S. S. R. — C. O. E. L. — P. T. T. R. — C. B. E. S. — ktp.) Krom diversaj dokumentaj bildoj, ankaŭ estas presitaj la du esperantaj poŝtmarkoj oficiale eldonitaj en Ruslando.

*

Duafoje eldonita estas la volumeto 18-a de Esperanta Biblioteko Internacia, *La Reĝo de la Ora rivero,* fabelo originale elpensita de la fama estetikisto John Ruskin por amuzi junan

knabinon: ĝi ankoraŭ povas tion fari por multaj gejunuloj, kaj ĝia lego estas konsilinda ankaŭ pro la korekteco de l' traduko.

Amuza, sprita komedieto, facile ludebla kun 3 geaktoroj, *Kuzeto* ridigos la aŭskultantaron. Mi ne ŝatas la vorton „devcgi" kaj frazo: „Mi timis, ke la letero ne enfalu en la manojn de via edzino" diras la kontraŭon de la intencita senco. Krome teksto bona, sed ne tre moraliga.

Nova verketo de S-ro Mangada, dediĉata al malnova pioniro Ricardo Cordoniu, raportas pri *Hispanujo*, ĝia geologia formado, ĝiaj praloĝantoj, pri hispanaj popolkantoj kaj speciale pri tiuj de la provinco Murcia. Bildoj kaj kvin melodioj, kun akompano, plibeligas libreton, kiu temas pri tro malsimilaj aferoj kaj malobeas ian tamen esencan unuecon.

Nova *Esperantista Kantaro* elvenas el Nederlando kaj por ties samideanaro prezentas aron da 21 tekstoj kanteblaj laŭ facilaj konataj melodioj. La poezioj, ne malbonaj, taŭge adaptiĝas al la notoj.

Unua broŝuro: Origino de Oomoto, precipe parolis pri la fondintoj de l' movado; en dua: *Kio estas Oomoto*, estas dirite pri agoj kaj paroloj de ĝia nuna ĉefo. Ĉapitroj informas pri urbo Ajabe, pri Sinjoro Deguĉi, pri lia metodo por koncentrigo, pri la pruvoj de lia dia misio, liaj kapabloj kiel artisto kaj verkisto, kun eltiraĵoj el liaj libroj.

*

Post sia vortaro Esperanto-Deutsch, D-ro Emil Pfeffer samformate aldonas *Wörterbuch Deutsch-Esperanto*. Ĝi ne povas konkurenci la plenajn jam ekzistantajn; sed kun pli ol 20000 germanaj radikoj kaj 30000 esperantaj tradukoj, ĝi sufiĉos por komuna uzado; plie ĝia malkareco ankaŭ helpos ĝian disvastiĝon.

Alia vortaro estas la *Esperanto-Norsk Ordbok* kun tradukoj de ĉiuj oficialaj radikoj en Norvega lingvo kaj konciza gramatiko. Elstaranta aboco faciligas la serĉadon en tiu bone presita libro.

La *Esperanta Krestomatio* de S-ro Taubmann estas legolibreto por kursoj, ĉu kun uzo de gramatiko, ĉu por senpera metodo. La aŭtoro mem verkis la tutan tekstaron anstataŭ elĉerpi ĝin el literaturaj verkoj; tio malpliigas la stilan variecon sed permesas aranĝi ĉion, por ke ĉiu instruaĵo venu ŝtavice kaj estu okulfrape konstatebla; kaj por tia lernolibro ĝi estas la ĉefa kvalito.

*

La Laborista Esperanta Asocio por germanlingvaj regionoj eldonis du bonajn propagandilojn: *Wissenswertes über die Esperanto-Bewegung* traktas pri neceso, ebleco de helplingvo, historio de Esperanto, kaj ĝia uzo en la diversaj fakoj de l' homa agado. *Die Wahrheit über Ido*, kiel la titolo jam montras, rediras la devenon de l' nedezirita bastardo, komparas ambaŭ sistemojn, kaj aludas al ne ĉiam laŭdindaj rimedoj uzitaj de l' skismuloj.

La grupo de St. Omer (Franclando), kaj precipe ĝia prezidanto S-ro Deligny, organizis en 1925 sukcesan ekzpozicion. Libreto donas detalan klasigitan katalogon de l' montritaĵoj, kaj tiu listo estos tre utila por aranĝontoj de tiaj efikaj entreprenoj, se ili scipovas la francan lingvon.

15 Novembro 1926. *G. S.*



„Ni povas kompreni, ke ŝparema viro uzas verukon sur kolo anstataŭ butonon por kolumo. Li ankaŭ povas sidiĝi sur bufron de vagono kaj senpage vojaĝi ĝis kiam venos konduktoro. Li povas haltigi horloĝon dumnokte, por ke ĝi senbezone ne eluziĝu. Li ne bezonas skribi la punkton super i por ŝpari inkon. Sur tombo de sia edzino li povas ekplanti terpomojn por utiligi ĝin iel. Ĉion-ĉi li povas. Tiam li restas ankoraŭ „gentleman" kompare kun tiu, kiu akceptas niajn gazetnumerojn kaj ricevinte de ni poŝtan remburson — rifuzas ĝin."

◆

Amerikaj eldonistoj



## Novaj libroj.

**Fabeloj.** Plena kolekto. *Andersen.* Tradukis *D-ro L. L. Zamenhof.* Unua parto (dua eldono) 152 paĝoj. Dua parto (unua eldono) 154 paĝoj. Formato $15\frac{1}{2} \times 21$ cm. Prezo br. ĉiu: 6 Fr. fr. Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris 9e.

**Unua Legolibro.** Esperanta Krestomatio. Rekomendita de E. L. A. *Instruisto Taubmann.* 2-a eldono. 1926. 80 paĝoj. $11\frac{1}{2} \times 15$ cm. Prezo br.: 6 Ĉek. kr. Eldonejo „Marto", Haida, Bohemio.

**Exposition espérantiste de Saint-Omer.** 20 Sept.—11 Okt. 1925. 10 paĝoj, $21 \times 18$ cm. 2 fotografaĵoj kaj 1 poŝtkarto. Imprimerie de l' „Indépendant", Saint-Omer. Prezo: 1,25 Sv. fr.

**La Reĝo de la Ora rivero** aŭ la nigraj fratoj. *John Ruskin.* Tradukis *Ivy Kellermann.* 2-a eldono. Esp. Bibl. Int. N-ro 18. 40 paĝoj, $9\frac{1}{2} \times 14\frac{1}{2}$ cm. Prezo br.: 0,40 germ. mk. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.

**Esperantista Kantaro.** Kelkaj kantoj laŭ facilaj melodioj. 24 paĝoj, $12 \times 16$ cm. Prezo br.: 0,25 gld. Eld.: „La Estonto estas nia". Theresiastraat 100, Den Haag.

**Kuzeto.** Scena bagatelaĵo en unu akto. *M. Balucki.* El la Pola lingvo tradukis *S. Grenkamp.* 16 paĝoj, $13\frac{1}{2} \times 18\frac{1}{2}$ cm, Prezo br.: 0,25 Sv. fr. Eld.: „Esperantista Voĉo", Jaslo. Pollando.

**Unuiĝo de Ligilo U. S. S. R.** (Profesia unuiĝo de Poŝto, Telegrafo, Telefono kaj Radio de U. S. S. R.) El la rusa tradukis *Viktor Javoronkov.* 40 paĝoj, $15 \times 23$ cm. Prezo ne notita. Eldono de Centra Oficejo de Esperantistoj de Ligilo de U. S. S. R. Paris, 1926.

**Esperanto-Norsk Ordbok.** Kontrolita de *H. Bonnevie*, cand. philol. $10 + 52$ paĝoj, $16 \times 24$ cm. Prezo ne notita. Arbeidernes Bok og Papirhandels Forlag, Oslo.

**La Arto de Memdisciplino.** Psikagogio. *Charles Baudouin.* Biblioteko Tutmonda N-roj 5—6. 1926. 92 paĝoj, $10\frac{1}{2} \times 17$ cm. Prezo por dek numeroj: 4 germ. mk. Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Berlin.

**Ŝtato kaj Revolucio.** *N. Lenin* (V. Uljanov). Laŭ la 2-a ruslingva eldono tradukis *G. Demidjuk.* 1926. 150 paĝoj, $12 \times 18\frac{1}{2}$ cm. Prezo br.: 1 germ. mk. Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona Fako Kooperativa. Paris, Leipzig, Moskvo.

**Wörterbuch Deutsch-Esperanto** von *D-ro Emil Pfeffer.* Tagblatt-Bibliothek N-ro 385—388. 180 paĝoj, $12 \times 19$ cm. Prezo br.: 1 germ. mk. Steyrermühl-Verlag, Wien I, Wollzeile 20.

**Pri Hispanujo** kaj ĝiaj popolkantoj. Popolkantaro de Murcia. Originale kaj elĉerpite verkita de *Julio Mangada Rosenörn.* 52 paĝoj, $13\frac{1}{2} \times 19\frac{1}{2}$ cm. Prezo br.: 1 Sv. fr. (3 respondkuponoj). Eldonaĵo de la aŭtoro, Glorieta de Bilbao 5, Madrid.

**Kio estas Oomoto?** Esperantigis *T. Juri.* Oomoto propaganda Oficejo. 58 paĝoj, $12\frac{1}{2} \times 18\frac{1}{2}$ cm. Prezo br.: 0,30 jeno (0,60 Sv. fr.). Eld.: Tenseiŝa, Kameoka, Kioto-fu, Japanujo.

**Wissenswertes für die Arbeiterschaft über die Esperanto-Bewegung.** 1926. 40 paĝoj, $12\frac{1}{2} \times 18$ cm. Prezo ne notita.

**Die Wahrheit über Ido.** 30 paĝoj, $12\frac{1}{2} \times 18$ cm. Prezo ne notita. Eld.: Arbeiter-Esperanto-Bund für das Deutsche Sprachgebiet. Geschäftsstelle: Leipzig C. 1, Wasastrasse 16.

**Tutmonda Interŝanĝa Adresaro** (aperas kvaronjare). N-ro 1. 15. X. 1926. 1 folio, $10 \times 17$ cm. Abonpago: 2 Sv. fr.

# La libera urbo Danzig.

*Nec temere, nec timide.*

(Danziga devizo.)

„La ĉefaj potencoj aliancaj kaj asociigitaj sin ligas konstituiĝi la urbon de Danzig, kune kun la teritorio fiksita laŭ art. 100 kiel Liberan Urbon. Ĝi estos metita sub la protekto de la Ligo de Nacioj.“

(Art. 102, kontrakto de Versailles.)

☆

Jen la teksto, kiu difinas la ŝtatan pozicion de la urbo Danzig, iama Hansa-urbo kaj ludinta certan rolon en la historio. Ĝia teritorio ampleksas 1950 km² al la prusa provinco Ostpreussen, sude kaj okcidente al la Pola Respubliko. Krom la urbo Danzig, donanta sian nomon al la tuta teritorio, kun ĉirkaŭ



Frauengasse

kaj la loĝantaro nombras 384 000. En la serio de la „miniaturŝtatoj“ ĝi venas post Luksemburgo kiu kalkulas 2586 km² sed havas nur 260 000 da loĝantoj. La teritorio limas norde al la Balta Maro, oriente 200 000 loĝantoj, estas 252 parokaj vilaĝoj, plie la banloko Zoppot kun ĉirkaŭ 27000 loĝantoj.

Historie la nomo de la urbo aperis en la 13-a jarcento; ĝi estis unu el la ĉefaj rezidejoj de la Teŭtona

Ordeno ĝis la jaro 1454 kiam la urbo eniris personecan union kun la pola reĝo, lasanta al ĝi sendependan karakteron. Tian ĝi konservis ĝis la natoj (1814). De tiam ĝi seninterrompe formis parton de l' prusa regno kiel parto de provinco Okcidenta Prusio (Westpreussen).



*Maria preĝejo kaj urbdomo vidata de l' Angla Domo*

18-a jarcento, kiam malfavoraj cirkonstancoj, precipe la ekonomia disiro de ĉirkaŭantaj landoj, devigis la estraron aliĝi al forta najbaro. En la jaro 1704 ĝi konkludis aliancon kun la unua prusa reĝo, Frederiko I. Dum la Napoleonaj militoj Danzig estis okupita de franca armeo kaj sieĝita dum naŭ mo-

La urbo havas la veran aspekton de norda civito, karakteriza per la multaj domoj kun pintaj (frontonaj) tegmentoj. Kvankam tute ebena, la ĉirkaŭaĵo estas ĉarma; duonhoro da veturo troviĝas Zoppot, la norda Monte Carlo, ŝatata kaj eleganta marbanloko.

## Esperanta Normigo

de Inĝeniero *Graf.*

Ĉu vi jam konas esperantan normigon? —

Ne! — Tiam mi klarigos tiun ĉi novan esprimon al vi! — Normigo estas: igi norma iun objekton.

Sed tiu ĉi klarigo eble ne tute sufiĉas al ĉiuj legantoj. Tial mi volas ankaŭ demonstri la esperantan normigon per praktika ekzemplo:

Vi certe posedas jam de longe poŝ-horloĝon. Nun iu-tage vi venas en alian landon aŭ urbon. Per malfeliĉa akcidento la vitraĵo sur via poŝ-horloĝo rompiĝas. — Ho! Ve! — Kun difektita poŝ-horloĝo oni ne povas vojaĝi en fremda lando! — Sekve: tuj al horloĝisto, por riparigi la kronometron per nova vitro! — Sed denove: — Ho! Ve! — Jen estas multego da vitraĵoj por poŝ-horloĝoj, sed neniu estas adaptebla. Tute neniu! — La horloĝisto serĉas kaj serĉadas. La vitroj estas pli aŭ malpli grandaj je 0,1 aŭ 0,2 mm ktp. sed ne eĉ unu laŭmezura vitraĵo ĉeestas. Kun bedaŭro la horloĝisto diras, ke via poŝ-horloĝo estas fremdlanda fabrikaĵo kaj ke li devas mendi tian vitron en fremdlanda fabrikejo. Vi devas atendi 3 semajnojn kaj interrompi vian vojaĝon aŭ — aĉeti novan poŝ-horloĝon. Nur ĉar tiuj ĉi vitretoj ne estas laŭmezuraj diametre inter 2 najbaraj landoj, t. e.: ili ne estas normaj! — Tial oni devus ilin igi normaj! — Ĉu ne? — Jen estas praktika normigo! —

En tekniko jam multaj elementoj estas normigitaj eĉ inter pluraj landoj. Sed tiu ĉi internacia normigo estas tre malhelpata per la granda malfacilaĵo pro la multaj naciaj lingvoj. Por disvastigo de internaciaj teknikaj normoj mankas lingva organo, kiu sukcesigas normigo-proponojn. — Jen estas nia Esperanto la plej taŭga helpilo por fari teknikajn normojn bone konataj en la tuta mondo. — Teknika internacia normigo fariĝos esperanta normigo! —

En germanaj tekniko kaj industrio tiaj normaj objektoj jam multe estas uzataj. Teknikaj esprimoj, desegnaĵoj, elementoj en elektro-, aŭtomobil-, kinematograf- kaj radio-tekniko estas normigitaj per aparta normo-komitato. Pluajn detalaĵojn vi povas ricevi de Deutscher Normen-Ausschuss, Berlin NW 7, Dorotheenstrasse 47, Germanio.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## KRONIKO.

### Aŭstrio.

*Graz.* — Propaganda vespero en Sandwirtsaal, kun 400 personoj. Novaj kursoj kun 100 lernantoj.

*Steyr.* — Du kursoj kun 53 personoj. Laborista grupo 20 anoj. F-ino S. Cipera, instruistino, propagandas nian lingvon.

*Wien.* — Ŝtataj ekzamenoj pri kapableco (4 personoj) kaj instrukapablo (13 personoj).

### Brazilo.

*Rio de Janeiro.* — Parolado de S-ro kolonelo José Sobrinho ĉe la Instituto de Milita Inĝenierarto. Tri kursoj organizitaj.

### Bulgario.

*Aitos.* — Loka grupo malfermis 2 kursojn kun 80 lernantoj, gvidataj de S-ro A. Jamukov.

### Ĉeĥoslovakio.

*Für.* — S-ro Handžarik, Del. de UEA, estis alvokita pagi imposton de 3000 kĉ. (500 sv. fr.) kiel delegito. Traktado sekvis en Nové Zámky ĉe financa direktejo. Hazarde la estro estis advokato D-ro Lapka, prezidanto de la esperantista grupo, kiu klarigis la aferon de „mongajno" de delegito. Granda rido pro la tro fervora oficisto, kiu taksis: la delegito estis liberigita de ĉiu pago.

*Nové Zámky.* — „Esperanta Rondo Amika" aranĝis dum Oktobro propagandan kunvenon. Malfermis prezidanto D-ro Lapka. Detale parolis Prof. Hlučil pri vivo de Zamenhof kaj pri la valoro de internacia helplingvo. La parolado sekvigis grandan intereson. F-ino Agnes Farkas deklamis poemon „La Dornrozeto" de Goethe kaj hungaran poemon pri Zamenhof de D-ro Reisinger. La deklamo de l' ĉarma knabino estis akceptita kun granda aplaŭdo. S-ano Badin alvokis la publikon je novaj kursoj, kaj S-ano Tupý finigis la kunvenon per versaĵo „La Vojo". Por la novaj kursoj anoncis sin 30 personoj. Ĉeĥan kurson kun 7 gelernantoj gvidas S-ano Jozefo Tupý, hungaran kun 23 gelernantoj gvidas S-ano Viktoro Badin.

En *Ostrava-Těšina regiono* oni aranĝis plurajn kursojn, nome: 1 ĉeĥan. 25 anoj, 2 polajn, 70 anoj, kaj 1 germanan, 25 anoj. La ĉeĥan kurson gidas Vicdel. S-ro Jan Liberda, instruisto, polan kaj germanan Del. S-ro L. Krysta el Č.-Těšin.

### Danlando.

*Holbaek.* — En „Laborista Vesperlernejo" la UEA-delegito instruas al 10 personoj.

### Estonio.

*Ellamaa.* — Propaganda vespero. Kurso kun 12 personoj.

### Franclando.

*Chartres.* — Kurso gvidata de S-ro Souazay.

*Clermond-Ferrand.* — Kurso gvidata de S-ro Deculty, ĉe Supera Komerca Lernejo.

*Elboeuf.* — Parolado de S-ro Baudet. 2 kursoj gvidataj de S-ro G. Saget, kemiisto.

*Lyon.* — La 1-an de Novembro, okazis konferenco de la Franclanda Esperantista Universitata Federacio. Ĝin malfermis profesoro Cart en salonego de la literatura fakultato. Ĉeestis reprezentantoj de la kvar universitataj kluboj nun ekzistantaj (Lyon, Toulouse, Paris kaj Grenoble) kaj izoluloj el kelkaj aliaj universitatoj. Post diskutado pri la statutoj, la Federacio Universitata estis oficiale starigita, (adreso: 20, rue Francois Garcin, Lyon). Estraro: prezidanto, S-ro Despeyroux (Lyon), sekretario, S-ro Lièvre (Lyon), kasisto, S-ro Croisat (Lyon), asesoroj, S-ro Rémond (Paris) kaj Salles (Toulouse).

*Rennes.* — Parolado de S-ro Jonis, ĉe la Universitato.

*Roubaix.* — Kurso kun 25 personoj ĉe la klubo „Al Fratiĝo".

*Saint-Amand.* — Komerca kurso ĉe la kolegio.

*Tourcoing.* — Kurso gvidata de Prof. Vanthier, ĉe la liceo.

*Vallauris* (Alpes Maritimes). — Koresponda kurso, anoncita en ĵurnaloj, de S-ro A. Thevenet.

### Germanio.

*Berlin.* — Okazis jarkunveno de UEA-teritorio.

*Bochum.* — Kunveno de „Revelo" de delegitoj de 14 urboj de Rejnlando kaj Westfalio.

*Breslau.* — La Radio-Stacio (322,6) disaŭdigis sesnumeran koncerton en Esperanto, la 15 Decembro.

*Cleve.* — Parolado de S-ro Giessmann el Krefeld. Du kursoj kun 33 personoj.

*Dresden.* — Monata kunveno 16. 11. Raporto de la prezidanto pri Saksa-Ligo-kunveno en Chemnitz, 6—7. 11. Festo je memoro al D-ro Zamenhof. S-ro K. Wallon, Honora membro, parolis pri siaj 40 jaraj travivaĵoj en Esperantujo.

*Essen.* — Kunveno de katolikaj esperantistoj, 250 personoj.

*Halle.* — 3 kursoj kun 32 personoj por laboristoj.

*Karlsruhe.* — Rondeto ĉe Teknika Altlernejo.

*Koblenz.* — Fondiĝis sekcio „Esperanto-Foto" kun celo interŝanĝi aktualajn fotografaĵojn, presotajn en ĵurnalaron. Adreso: S-ro J. Groebel, Eltzerhofstr. 5, Koblenz.

*Köln.* — Jarkunveno de la loka grupo. Kurso kun 20 personoj.

*München.* — Regulaj kunvenoj en 4 societoj, kiuj por propagandaj celoj kaj por la instruado estas kunigataj en kartelo. Instruadoj: per la radio (ĉiusabate je la 7-a vespere), ĉe la laboristoj, en la popolaltlernejo, por progresantoj per la kartelo. La 14-a de Oktobro parolado de profesoro Emig el Dornbirn (Vorarlberg) en la sindikata domo.

*Osmüde-Halle.* — Kurso kun 12 personoj.

*Potsdam.* — 2 kursoj fonditaj kun 29 personoj, gvidataj de S-ro Heinrich. Zamenhofa memor-vespero.

*Wanne-Eickel.* — Varbparolado de D-ro Wullen el Bochum, antaŭ 60 personoj. Grupo fondita. Kurso gvidata de S-ro Helmich, Esperanto-instruota en metia lernejo.

### Greklando.

**Dekreto de la Greka Registaro pri Esperanto.**

La greka registaro ĵus publikigis dekreton, kiu favorigas la enkondukon de Esperanto en la instruistaj institutoj de Greklando. Ĝi samtempe nomigis S-ron D-ron Anakreon Stamatiadis en Ateno profesoro por la kursoj de Esperanto en la koncernaj institutoj en Ateno.

Jen la oficiala teksto de la du dekretoj tradukitaj en Esperanton:

HELLENA RESPUBLIKO
Ministerio de Kultoj kaj de Instruado
N-ro 57363

Ateno, 28. 10. 1926

Al
S-roj direktoroj de la Instruista Instituto „Maraslion" la Unuklasaj Instruistaj Institutoj de Elementa Instruado kaj al la Instruista Instituto de la Mezgrada Instruado.

Estas sendube al vi konata la disvastiĝo de la Helpa Lingvo Internacia Esperanto. Preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj jam enkondukis la instruadon de ĉi tiu lingvo en siaj lernejoj, unuj kiel deviga, aliaj kiel nedeviga fakoj.

Opiniante, ke ĝia ellerno ankaŭ flanke de la Novhellenoj estus tre utila al ili, ĉu por ilia propra kleriĝado, ĉu por ilia interrilato kun aliaj nacioj, ni aprobas, ke vi permesu la instruadon de la antaŭecitita lingvo al tiuj el la lernantoj, kiuj deziras sekvi kursojn de Esperanto.

La ministro:
subskribo: G. Didaĥos.

*

HELLENA RESPUBLIKO
Ministerio de Kultoj kaj de Instruado
N-ro 60038

Ateno, 29. 10. 1926

Al
S-ro D-ro Anakreon Stamatiadis!

Post la enkonduko de la Lingvo Internacia Esperanto en ĉiuj Instruistaj Institutoj de Mezgradaj elementaj lernejoj de Ateno, vi estas enoficigata en kvalito de Profesoro, por gvidi la kursojn de la suprecititaj institutoj.

La ministro:
subskribo: G. Didaĥos.

Tiu tre salutinda sukceso estas ŝuldata al la senlaca laboro de nia malnova pioniro el Samoso S-ro D-ro A. Stamatiadis, L. K., prezidanto de la Novhellena Esperanto-Societo sur bazo de bona preparo interkonsente kun la Internacia Centra Komitato en Genève.

Ne estas dubeble, ke tiuj du dekretoj senteble antaŭenpuŝos nian aferon en Greklando.

## Hungario.

*Budapest.* — Koncert-vespero arangita de esperantistoj-laboristoj. Memorvespero pri prelato Giesswein.

## Irlando.

*Dublin.* — Esperanto-stando ĉe la Radia Ekspozicio, 1-6 Novembro, en la Urbodomo. Oni disdonis 1500 propagandilojn kaj vendis 450 lernolibrojn. Du kursoj malfermitaj.

## Italio.

*Brescia.* — 3 kursoj fonditaj, gvidataj de S-ro Facchi.

*Mantova.* — Jarkunveno de la loka grupo. Nova kurso.

*Milano.* — Jarkunveno de „Lombardia Esperanto-Instituto", prezidanto D-ro Monti. Nova kurso kun 25 personoj.

*Udine.* — Propaganda vespero. Nova kurso gvidata de S-ro Della Savia.

*Verona.* — La 7-an de Novembro parolis S-ro Generalo Markizo de Montezemolo, prezidanto de F. E. I., en salono Sammicheli. La 10-an oni komencis novan kurson kun 30 personoj gvidatan de S-ro Reni, Del. de UEA.

## Latvio.

*Riga.* — 6.—13. 11. Dum Radio-Ekspozio loka Societo aranĝis ekspozicion de diversaj esperantaĵoj. La vizitintoj de la ekspozicio ekinteresiĝis pri internacia lingvo kaj aĉetis lernolibrojn kaj gazetojn. 8. 11. fondiĝis laborista Esperanta Societo.

## Litovio.

*Kaunas.* — Esperanto metita en programon de la Popola Universitato.

*Kedainiai.* — Grupo fondita.

*Radviliŝkis.* — Grupo fondita, prezidanto S-ro A. Borkauskas.

## Pollando.

*Bedzin.* — Parolado de D-ro Dreher el Kraków.

*Kraków.* — Dua tutpollanda Konferenco okazis 30. 10.—1. 11. en salonoj de Industria Muzeo. Partoprenis 110 personoj, el kiuj 38 delegitoj de 33 lokoj. Ĉe la konferenco estis organizita la Ekspozicio. Samtempe la Krakova Societo „Esperanto" festis sian 20-an jaron. Paroladis Prof. Bujvid, Inĝ. Kostecki. Ĉe la konferenco prezidis Prof. Bujvid, helpata de F-ino L. Zamenhof, S-ino Fels, D-ro Rosenstock, D-ro Dreher, S-roj Ŝapiro, Paruch, Orzech, Tichavski, Sianozecki, Pankratz, Kuhl, Lejzeroviĉ, Rudnicki, Ziomek. Paroladis: S-roj Aksman, Schnützer, kaj D-ro Robin pri „Esperanto kaj Medicino". Estis voĉdone akceptita regularo de Pollanda Esperanto-Delegitaro, kies sidejo estos en Krakovo.

*Warszawa.* — Fondiĝis „Esperantista Presa Agentejo", gvidota de S-roj S. Essigman kaj L. Kronenberg, kun celo de la gazetara informado pri Polujo. Adreso: Prof. L. Kronenberg, Piekna 11a, Warszawa.

## Rumanio.

*Braŝov.* — S. Prager finis kurson kun 25 personoj. Festeneton ĉeestis S-ro T. Morariu. Oni priparolis la aranĝon de l' 7-a Rumana Esperanto-Kongreso en tiu urbo.

*Bucuresti.* — 31. 10. H. Fischer, L. K., paroladis en liceo Libros. Samloke malfermis kurson T. Morariu por 25 personoj. La instruo okazas laŭ metodo de A. Ĉe.

*Galati.* — Unua Rumana Esperanta Grupo reorganizita. Prezidanto Komandoro P. Georgescu, vicprezidantoj deputato Dimitriu kaj urbestro Zaharia. Gelernanta Grupo eldonis gazeteton „Galaca Espero". La 17. 10. 1926 Leonardo Blum paroladis en kunvenejo „Statul Negustoresc".

*Pui.* — Unusemajnan „verdan libertempon" aranĝis S-roj A. Ĉe, T. Morariu kaj A. Vandor. Okazis ekskursoj sub la gvidado de loka Del. N. Pokanski. N. Pokanski kaj E. Todoran preparas kurson.

*Arad.* — En „Vespera Liceo" esperantistan kurson gvidas I. Berohn kaj S. Ferenczy. Ĉe kulturolicejo „Minerva" kurson malfermis S. Bartha, Del. de UEA.

*Radauti.* — Publika kunveno de la klubo „Tagiĝo".

*Sighiŝoara.* — F. Olah, rez. majoro, aperigis serion da poresperantaj artikoloj.

*Ploeŝti.* — S-ro E. Nicolau, Del. de UEA, preparas kurson.

*Bucureŝti.* — S-ro Beraru aperigis rumanlingvan lernolibreton. Ministro Trancu-Iaŝi donacis esperantan biblion al rumana altrangulo kun dediĉo: „Jen la libro kuracanta ĉiujn dolorojn, en la lingvo komprenata de ĉiuj popoloj".

## Saar-Teritorio.

*Neunkirchen.* — De la 3-a ĝis 10-a de Oktobro Radio-ekspozicio kun esperanta fako. Oni vidis Esperanto-lernilojn perradiajn, Radiogazetojn kaj diversajn librojn. Geografia karto montris la Radiostaciojn, kiuj dissendas en Esperanto.

*Saarbrücken.* — La aŭtuna Liga kunveno, la 17. 10., en salono de Johannishof. D-ro Meyer raportis pri la Edinburga kongreso, pri skota kaj angla popoloj. S-ro Krämer parolis pri UEA kaj S-ro Schenkel pri la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko. La loka grupo Saarbrücken refondiĝis.

## Sovet-Unio.

*Ekaterinoslav.* — Funkcias 15 kursoj kun 580 lernantoj. Lecionoj de S-ro Sorokin per Radio.

*Krasnodar.* — Du novaj kursoj kun 40 personoj. Loka grupo presigis 15000 propagandilojn.

*Omsk.* — Jarkunveno de la loka grupo, prezidanto D-ro Skalskij.

## Sudslavio.

*Bielovar.* — 26. 10. Jarkunveno de la loka klubo. Prezidantoj D-ro V. Peiĉiĉ kaj Prof. R. Ŝaj. Nova kurso gvidata de S-ro Kraljeviĉ.

*Zagreb.* — Okaze de la parolado de R. Tagore S-ro N. Hohlov intervjuis la faman hindan poeton pri lia opinio rilata al Esperanto. Tagore respondis, ke li iom studis Esperanton kaj tute simpatias al nia movado.

Loka Katolika Eklezio oficiale uzas Esperanton por rilati kun alilanduloj. Ekzemple la episkopo M. Kalogjera konsekvis, por la pastra rango, S-ron P. Wenck, danon, en la kroata kaj esperanta.

## Svedio.

*Bjuv.* — Nova kurso kun 10 personoj gvidata de S-ro G. Telander.

*Paarp.* — Fondita studrondo.

*Stockholm.* — Princo Carl de Svedio sukcesis ekzamenon ĉe la Sveda Esperanto-Instituto.

## Svislando.

*Bern.* — Zamenhofa memor-vespero kun koncerto kaj teatraĵo.

*Genève.* — La estraro de l' Universitata Biblioteko petis havigi al ĝi ĉiujn esperantajn vortarojn de maloftaj lingvoj, ekzemple armena, estona, slovaka, ktp. por la praktika uzado, kiam similaj vortaroj ne ekzistas en la nacia lingvo. Okazis en salonoj de Socia Lernejo Zamenhofa memorfesto; oni prezentis „La Urson" tradukiton el A. Ĉeĥov. Ĉiujaŭde okazas paroladoj kaj prelegoj en Esperanto, ĉe la loka societo.

*Luzern.* — Kurso de S-ro Forster, instruisto de la centra svisa turista lernejo. Partoprenas estro de l' hotelo Raben (apud stacidomo).

*Zürich.* — Pro teknika kaŭzo la nombro de la partoprenantoj (80) ĉe la Svisa Kunveno, 10. 10. 1926 estis neĝuste metita.

[Red.]

---

# Redakcia noto

## Elektra vento-motoro (nova tipo)

Nia fervora samideanino, elektra teknikistino, F-ino Felicia Sziszko (Novomiejska 8 - 2, Warszawa), eltrovis seriozan plibonigon de la vento-motoroj. Ŝia patentita, en Pola Respubliko, invento bazas sur apliko de la Magnus'a teorio al la ventmotoraj flugiloj (aloj), analogie je Flettner'aj veloj. La aloj estas rotorformaj, aldone movataj de speciala elektra motoreto. Dank' al tio la vent-energio povas esti utiligata en pli alta grado, eĉ dum fortaj ventegoj. Konstruota je 300—500 HP ĝi povos servi por elektrifado de la kamparo, urbetoj, negrandaj fabrikejoj, precipe por la aŭtomata produktado.

Estas notinda fakto, ke — inter nuntempaj jam multaj inĝenierinoj — nia pola samideanino estas la pioniro, kiu memstare laboras super pluraj elpensaĵoj. Ni atentigas pri nia talenta samideanino ĉiujn, kiu povas entrepreni la ekspluaton de ŝia ventomotoro, aŭ povas helpi ŝin trovi tian kompanion aŭ kapitalhavanton. Fine, ŝi konsentus eĉ vendi sian patent-rajton, por havigi al si rimedojn necesajn al la plua teknika projekt-kreado.

Bonvolu skribi, nur esperante, laŭ la adreso: F-ino Felicia Sziszko, Novomiejska 8 - 2, Warszawa.

 LINGVAJ STUDOJ 

## Pri vortoj „internaciaj".

Per artikolo § 15 de la Fundamento D-ro Zamenhof enrajtigis en Esperanton ĉiujn „internaciajn" vortojn, sed nia lingvo kun prudenta instinkto de vivanto englutis ilin nur malmultope, unu post alia, sen urĝego. Aliaj mondlingvoj malfermis la buŝon tiel larĝe, ke ili dronis sub la invado. Restis nur riĉa kadavro. Kial?

Jen la respondo: La plej viva elemento en ĉiu lingvo estas tio, kion ĝi ĉerpas el sia propra fonto, la materialo kiun ĝi formis al si per uzado de la propraj fortoj. En Esperanto ĝi estas la komuna lingvo kreskinta el la Fundamento, ĉio entenita tie kaj elfluinta el la 16 reguloj kaj el la ŝlosila vortareto.

Ekzemple rigardu la sufiksojn. Kiom vivoplenaj ili estas, ĉu solaj, ĉu kunmetitaj: ano, aniĝi, aro, ariĝi, ema, emi, ebla, eble, ebliĝi, malebliĝi ktp. Kelkafoje oni nomis tion „la ĉina Esperanto" pro tio, ke niaj ĉinaj (aŭ japanaj) amikoj videble ŝatas tiujn formojn, kiujn ili ne bezonas aparte lerni kiel novajn pliajn radikojn. La vivo sentiĝas treege forte en tiuj esprimoj, ankoraŭ plenaj je movo kaj sencpotenco.

La elementoj novaj el ekstero ĉiam eniras kvazaŭ fremdaj. Se ili envenas nur kelkope, iom post iom, ili baldaŭ kunfandiĝas en la vivanta medio kaj adoptiĝas kiel familianoj. Se ili enkuras amase, ili ne tiel facile enhejmiĝas kaj restas iom ĝena, embarasa balasto. Ilian vivecon ili tiam ŝuldrigardas malantaŭen en la lingvoj el kiuj ili elvenis, sed, se ili ne ricevos baldaŭ la kontakton kun la sango de la nova medio, ili malvarmiĝas kaj sekiĝas sur la sojlo. Tio tre similas la tutan problemon de homaj enmigradoj kaj alsimiliĝado.

Ekzemple neniu dubas pri la senco de la vorto *aerflugisto*, kiun Esperanto fabrikis al si mem kaj el si mem. Sed ĉu oni devas demandi al eŭropanoj la sencon de la internacia vorto *aviatoro*, kiu ĉerpas sian signifon el eksteraj lingvoj. La vorto *aviadisto* estas ekzemplo de fremdulo jam pli enhejmiĝinta per uzado kaj alsimiliĝo.

Ĉu tio signifas, ke ni devas severe fermi la pordon al ĉiuj „fremdaj" internaciaj vortoj kaj faciligi al niaj malamikoj la taskon ridindigi Esperanton per kombinaĵoj kiel *vagonarhaltigilo* anstataŭ *bremso?* Kompreneble ne. La teknika lingvo nepre bezonas siajn ĝustajn terminojn kaj neniu tasko pli urĝas ol fiksi por ĉiu fako ĝian teknikan terminaron. Tie ekzistas neniu danĝero kondiĉe, ke kompetenta aŭtoritato decidu. Tiuj vortoj tiras sian sencon el la objekto mem, ne el iu traduko. Priskribo aŭ bildo

povas eĉ ofte anstataŭi tradukon, eĉ avantaĝe. Estas tute same pri geografiaj nomoj.

Sed tute malsimilas la afero pri esprimoj de la kuranta socia lingvo. Tie „internacieco“ kaŝas ofte plej danĝeran konfuzon kaj ega singardemo necesas.

La sama temo cetere povus tre utile diskutiĝi, ne nur pri Esperanto, sed pri naciaj lingvoj, ĉefe tiuj, kiuj emas ludi ankaŭ rolon de mondlingvoj. Observu nur la francan kaj anglan, uzatajn en politikaj aferoj ĉe Ligo de Nacioj aŭ ĉen kongresoj diplomataj.

Junaj interpretistoj imagas, ke ili povas traduki „to control“ per „contrôler“ aŭ „eventually“ per „éventuellement“, kaj ili faras sensaciajn erarojn. Ankoraŭ nun angloj kaj francoj restas subskribintaj malsamajn promesojn laŭ la packontrakto, ĉar oni tradukis „advise“ per „aviser“. Se Esperanto postkurus blinde kaj malsaĝe — kiel faris Ido — kaj amasigus sur sian kusenon internaciajn vortojn per ŝovelilo, kredante pli bone dormi, ĝi farus unue malagrablajn sonĝojn kaj poste ekdormus eble por ĉiam.

Jam en nia jam unua havaĵo de „internaciaj“ aŭ „fremdaj“ vortoj estus necese uzi balailon kaj kriblilon por meti iom da ordo. Se nia Akademio tion entreprenus, ĝin dankus ĉiuj. Neniu vorto devas aparteni al ekstera aŭtoritato. Kiam unu el tiuj „fremduloj“ ne ricevis per uzado sian Esperanto-bapton, tiam necesas interveno kaj difino en oficiala vortaro.

Pri radikoj kiel teatr', lokomotiv', protest', koncert' aŭ muzik' ekzistas neniu dubo. Sed estas tute alie pri kelkaj aliaj. Ekzemple oni ne toleru, ke *akademio* signifu por francoj korporacion de scienculoj, por ĉeĥoslovakoj muzikvesperon kaj por usonanoj privatan mezlernejon. Tia liberalismo egalas je fuŝado kaj malhelpas la interkomprenigan celon de helpa mondlingvo.

Aŭdante la vorton *komitatanoj* aŭ la „ĉinan“ esperantaĵon *estraranoj*, mi scias, pri kiu temas, sed kiam anglo plendas pri la „oficistoj“ de nia Asocio, mi estas necerta, ĉu li kritikas vicprezidantojn aŭ maŝinskribistinojn.

*Kontroli* ne devas signifi por angloj superregi kaj por francoj superekzameni. *Eventuale* ne rajtas egali por francoj *eble* kaj por angloj *okaze*. Instruado devas esti severa pri tio.

Simile *gimnazio* restu duagrada lernejo, klasika aŭ ne, sed ne fariĝu gimnastikejo. Pro sama kaŭzo mi preferas aŭdi pri *urbestro*, almenaŭ klara esprimilo, ol konfuziĝi inter majoro, sindiko aŭ burĝmajstro. Se usonanoj nomas *konvencio* ĉiun grandamasan kongresegon kaj angloj prefere dokumenton pri interkonsento, mi ne vidas, kial Esperanto devas enakcepti tiajn gastvortojn kun tiom malordaj moroj.

Idistoj povas ĝojegi je la mirinda „internacieco“ kaj „tujkomprenebleco“ de la jena frazo: *La ministroj kontrolis la tutan Bostonan konvencion,* sed mi preferus aŭdi, ke „la evangeliaj pastroj regis la tutan kongresegon en Boston per sia influo“ aŭ ke „la registaranoj atente tralegis la tutan tekston de la Bostona interkonsento“. Tiam mi scius vere, kio el ambaŭ faktoj okazis. Sufiĉe distinginde, ĉu ne?

Konklude la „internacieco“ estas kampo sufiĉe marĉa aŭ glitiga. Ĝi foje plisimilas iluzion erarigan ol certaĵon realan. Tiaj „fremdaj“ vortoj estas neeviteblaj. Ili orde alkroĉiĝu al nia lingva bazo, sed ne ŝancelu ĝin per troa proporcio.

Idistoj aŭ novlatinistoj kredas allogi okcidentajn intelektulojn per amaso da tiaj vortoj en sia montrofenestro. De malproksime la sistemo frapas la okulon agrable. Sed kiam la observantoj palpas la komercaĵon, ili malkontente retrovas tie la samajn erarigilojn, pro kiuj ili jam suferis en anglo-francaj tradukoj. Esperanto, kun sia forta bazo viva, havigas ne nur ŝajnan, sed undan interkomprenilon.

*Edmond Privat*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 175; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Pengo 5, 12,50, 35; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 125, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 1000; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malsimila aĉetpovo de l' mono: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 40 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Pengo 2.—; Pollando: Zlot. 2,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève.*

Poŝtĉekaj kontoj:

| | |
|---|---|
| *Aŭstria: Wien 105439* | *Belga: Bruxelles 1842.00* |
| *Ĉeĥoslovaka: Praha 79236* | *Franca: Lyon 221-76* |
| *Germana: Frankfurt a. M. 90850* | *Itala: Bologna 3-327* |
| *Jugoslava: Zagreb . . . .* | *Pola: Warszawa 190576* |
| *Sveda: Stockholm 4138* | *Svisa: Genève I. 2310* |

**Garantia kapitalo.** *Dua serio:* Fr. sv.

Antaŭa listo 7500,—

26. S-ro Vincente Alonso Sanz, Madrid, Hispanio 300,—

Sumo 7800,—

(Pagita dum Aŭgusto 1926; pro manko de loko ne aperigita en la oficiala gazeto pli frue.)

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia kapitalo de UEA kostas 300 frankojn svisajn, pageblaj en tri partoj dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto „Esperanto“ kaj de la Jarlibro kiel ankaŭ de eblaj aliaj oficialaj eldonaĵoj de la Asocio.

**Novaj poŝtĉekoj.** — Ni malfermis poŝtĉekkontojn en jenaj landoj: Svedlando: Stockholm 4138
Belglando: Bruxelles 1842.00
Jugoslavio: Zagreb (informo sekvos).

Pagoj povas esti farataj en tiuj landoj do plej praktike kaj simple. Tiu ĉi nova aranĝo ne tuŝas la pagon de la kotizoj kaj mendoj en la belga kaj jugoslava teritorioj kiel kutime farotaj al la Ĉefdelegito aŭ sekretario enlanda.

**Elekto de la komitato.** — Devas okazi nun la reelekto de la komitato por la periodo 1927 ĝis 1929. Proponoj pri novaj kandidatoj estu sendotaj tiel, ke ili plej malfrue alvenu Ĝenevon la

**15-an de Januaro 1927.**

